# LITERATURA MONDO

Ĉefredaktoro: K. Kalocsay



Literatura, arta ilustrita revuo

Dua periodo — Tria jaro

Senpaga kvaronjara aldono:

**Bibliografia Gazeto**

En duona formato 16—20 paĝa

Julio 1933

7-a numero

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno; 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**ĈEFKUNLABORANTOJ:** J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), J. Grau Casas (Mediona), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), N Hovorka (Wien), R. Hromada (Praha), W. B Johnson (Kairo), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloš Lukáš (Trnava), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Birmingham), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), E. C Stillmann (U.S.A.), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), J Ŝimomura (Tokio), L. E Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

| | | |
|---|---|---|
| Dancu Marinetoj, noveloj | tolb. 5.40, broŝ. | 3·40 |
| Migranta Plumo, noveloj | tolb. 4.60, broŝ. | 2 70 |
| Viktimoj, romano — — | tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. | 5.— |
| Hura! romano — — — | tolb. 10.-, duont. 8.40, broŝ. | 7.40 |
| Preter la vivo, poemaro | tolb. 3.—, broŝ. | 2.— |
| Pilgrimo, poemaro — — | tolb. 3.—, broŝ. | 1,80 |

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

| | | |
|---|---|---|
| Lingvo, Stilo, Formo — — — | tolb. 4.90 broŝ. | 3.— |
| Malkara eldono | bind. 2.50 broŝ. | 1.50 |
| Strečita Kordo — — — — — | tolb. 5.80 broŝ. | 4.— |
| Rimportretoj — — — — — | tolb. 4.60 broŝ. | 3.— |
| Eterna Bukedo. Internacia poemantologio. 352 paĝa. — — — — — — — | Duonlede bindita | 11.30 |
| Madách: Tragedio de l' Homo | luksa 5.50, simpla | 4.— |
| Petőfi; Johano la brava — — | bind. 3.— broŝ. | 1.50 |
| Goethe; Romaj elegioj: La Taglibro, | silkebind. | 5.— |
| | bind. 3.— broŝ. | 2.— |
| Hungara Antologio — — — | bind. 14.— broŝ. | 12.— |
| K. Kalocsay—G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro — — | bind. 5.— broŝ. | 3.60 |

**ALIAJ VERKISTOJ:**

| | | |
|---|---|---|
| J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn — Romano — — — — — — | bind. 5.80 broŝ. | 4.— |
| Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando | bind. 2.50 broŝ. | 1 50 |
| Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano | bind. 5.— broŝ. | 3.— |
| Szilágyi: La Simpla Esperanto (gram. por hung.) | broŝ. | 1.35 |
| Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj | broŝ. | 1.50 |
| La Pentroarto en la malnova Hungarujo, kun 96 ilustraĵoj — — — — — | duonlede bindita | 15.50 |
| L. Totsche: De Paĝo al Paĝo | bind. 5.— broŝ. | 2.50 |
| Engholm: Homoj sur la Tero | bind. 5.— broŝ. | 3.60 |
| Kenelm Robinson: Homarisma Laboro | broŝ. | 0.60 |
| I. Ŝirjaev: Peko de Kain — — — — — | broŝ. | 1.— |
| Hungara Ŝlosilo — — — — — — — — | | 0.18 |

**Prezoj en svisaj frankoj!**

Aldonu 10% por sendkostoj

# Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝon Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton »Esperanto«, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

# HYAMS — UTOPIISTO

— W. B. Johnson —



Ĉiu reforma ideo, eĉ plej milda, principe kontestas la sanktan aŭtoritaton de Reĝo-tradicio kaj sekve insidas kontraŭ lia tuta regado, preparante la vojon por Reĝo-racio. Viando, tabako, alkoholo, ĉapeloj, kapitalismo kaj eĉ la Dio prapatra povas kandidatiĝi por ekzilo ĉe menso, kiu jam kondamnis ekzemple la vivisekcion. Jen kial ĉiu reforma movado estas varmobedo por tiaj »maniuloj«, kiuj formas la spritkapitalon de la tutmondaj Schwartz-oj. La ĝisosta reformemulo mense forviŝas la diktojn de la pasinteco kaj komencas ĉion reskribi sur novaj paĝoj. Estas absorba ludo rekrei en sia kapo la novan ordon. Eĉ la skeptika Omar Khayyám konfesis sopiron remuldi nian universon:

»Se tutan mondofuŝon, karulin',
Ni povus ĉirkaŭkapti per Destin',
Ĉu ni ne volus ĝin frakasi kaj —
Refari ĝin laŭ nia korinklin'?«
(Laŭ angla traduko de E. Fitzgerald.)

Sed ĉar la universo estas iom vasta, la homoj ordinare kontentiĝas per klopodo realigi sian idealon en ia mikrokosmo: la geedzoj — hejme, la agitisto — socie, kaj la artisto — en sia verko. Kaj tial ke la Vivo emas imiti la Arton, la artisto ofte montriĝas kiel plej efika agitisto. Ĉar la arto estas vivkritika spegulo, tiusence ĝi estas reformema.

Pure reformismaj estas la utopiaj verkoj, kiuj abundas en la monda literaturo sub nomoj de Platono, Campanella, Fénelon, J. J. Rousseau, Hertzka, More, Wells kaj multegaj plu. Ne estas do mirinde, ke tre frue aperis utopiaĵo en la originala literaturo de reformula movado, kia Esperanto. Ĝi estas la romano, »Nova Sento«, kiun Henry B. Hyams publikigis en 1915 sub sia plumnomo, »Tagulo«.

Estante arkitekto, li certe sekvis profesion, kiu konvenis al lia artista naturo kaj multe influis lian vivkoncepton; ĉar li ŝajne rigardis la homojn kvazaŭ masonistojn de malsanaj korpo, socio, civilizo kaj kulturo, kiuj fuŝis la belajn planojn de la Granda Ĉefarkitekto. Li do prenis ilojn de sia metio kaj skribdesegnis ĉion, kia ĝi ideale devus esti, kaj la rezultato estas »Nova Sento«. Evidente lia idealismo havis artisman impulson, ĉar la sociaj kaj individuaj malperfektoj de la homoj ofendis lian belsenton; kaj fundanalize tio estas verŝajne la bazo de ĉia idealismo.

Estante londonano, li elektis tiun urbegon por la malferma sceno de sia romano, kiu vidigas ĝin al ni tra la okuloj de senlabora maŝinisto. Jen tute laŭcela komenco, ĉar antaŭ ol proponi la novan ordon, necesas kondamni la malnovan; kaj oni ne povus pli efike, ol atestigi malsatan viktimon de kapitalisma metropolo. (Mi scivolas, kial li ne rakontigis ankaŭ kapitaliston kiel atestanton por la defendo; sed tio estas nura parentezo.) En la samaj ĉapitroj Tagulo plektas cirkonstancojn, kiuj ebligos transporti la viktimon sur Marson, planedon ŝatatan de multaj utopio-verkintoj.

La mondo estas terurita pro la alpafiĝo de fremda planedo, kiu minacas la teron ĉiutage pli proksime. Ĉu ĝi disfrakasos la terglobon? Ĉu ĝi preterflugos sen gravaj detruoj? Verŝajnas, ke ĝia altira forto ŝanĝos la teran akson kaj alproksimigos Marson.

Gillett, la maŝinisto, kiu senlabore stratumas, povas observi la alfluganton kaj ĝian efikon sur diversajn homspecojn. Liaj pripensoj klare spegulas la socialisman kaj pacisman tendencojn de la aŭtoro, kiu mem dum la milito estis ŝtata malliberulo pro sia kontraŭmilita agitado. Gillett rimarkas interalie, ke la proletoj estas tiel kutimiĝintaj al siaj laborkatenoj, ke eĉ la minacanta pereo ne povas interrompi ilian sklavan rutinon, kaj okaze de tiu observo, la aŭtoro atakas kutimojn per vortoj, kiuj forte memorigas pri simila penso en la fama Madách-dramo: »La tragedio de l' Homo.«

*Tagulo:*

»Kvankam ekzistis bonaj kutimoj, tamen ili baldaŭ eluziĝis, kaj gradon post grado fariĝis baroj sur la evolua vojo al la beleco.«

*Madách:*

»Ĉio vivanta, bene efikanta
Post tempo mortas; la anim' forflugas,
La korp' transvivas kiel abomena
Kadavro haladzanta mortmiasmojn
En nova mond' ĝerminta ĉirkaŭ ĝi«.

Intertempe Gillett akiras laboron ĉe aviadisto, kiu deziras maŝinistan kunulon okaze de flugveturo al Germanujo, sed dum tiu flugo ili ambaŭ pereas pro ventegoj, alportitaj de la fremda planedo.

Ilia morto fermas, por tiel diri, la unuan akton, kaj kiam la kurteno releviĝas, ni trovas Gillett'on jam sur Marso, kiun la preterfluganta planedo altiris tre proksimen al la Tero. Pri siaj teozofiaj konvinkoj la aŭtoro povis, sen troa perforto al sia racio, transigi la animon de la mortinta maŝinisto en la korpon de plenkreska marsano. Guste tiu kredo al reenkarniĝo koloras la tutan vivkoncepton de Tagulo. Akceptinte kiel nepran premison, ke ekzistas reganta Dio, kiu estas »justeco mem«, li devis iel forargumenti evidentajn maljustaĵojn, kiuj okazas en la naturo; kaj la teozofio, li kredis, donas la necesan klarigon. Tiu pensmaniero diluis la realismon de lia verko per malklara mistiko.

Memorante, kiom da mizero malbeligas la teran civilizon, Gillett povas dece ŝati la marsan utopion, kies ĉefa trajto estas simpleco. Absolute ĉion oni simpligis, de siaj vestoj ĝis la ŝtata administrado, kio estis ebla ĉar la marsanoj delonge rezignis pri multege da aferoj, kiujn homoj trovas necesaj. Kaj tiu simpliga rezignemo estas la esenco de la Tagula filozofio.

# Subkarpataj rakontoj

— Anton Jandík —

Plenluno lumigis per sia ĉarma brilo la dehakitan arbaron, kies tero estis kovrita de ĉiuspeca arbustaro, multkoloraj floroj kaj herboj. Ni sidis ĉirkaŭ fajro apud krude konstruita trabkonstruaĵo kaj silente rigardis la flamojn. La varma aŭgusta nokto strange impresis min, homon urbanan, kiu ne estis kutimiĝinta al tia laŭnatura vivo, kian mi vivis de unu monato en la vastaj karpataj montarbaroj, tranoktante en la arbaroj post taga vagado, sen molaj kusenoj kaj kutima komforto.

La trankvilego de tiuj arbaroj fortigis miajn nervojn kaj mi sentis min tiom feliĉa, kiom neniam antaŭe. Dum krepusko mi atingis la trabkonstruaĵon, ĉe kiu kristale pura akvofonto oferis al mi refreŝiĝon.

Ni estis nune kvar. Tri ĝendarmojn mi renkontis, kaj ni ĉiuj ripoziĝis kaj la ĝendarmoj preparis sin tiel al tutnokta rondirado.

»Jam la dekan jaron mi vivas inter tiuj ĉi montoj kaj popolo«, ekparolis unu el la ĝendarmoj. »Mi ĉiam ja grumblas kontraŭ tiu ĉi lando, pro mia malfacila tasko ĉi tie, sed, verdire, tamen malgraŭ ĉio, dolore mi adiaŭus al la lando. La arbaroj kaj fine ankaŭ tiu popolo kreskis jam al mia koro.«

»Jes, la popolo«, enparolis la dua, »la popolo vivas mizere. Oni ja ne povas diri, ke ĝi ne estus civilizita, se oni komprenas per tio fumadon de Dio scias kiaj foliaroj, trinkadon de brando kaj aliajn »bonaĵojn«. Sed la kulturo pene penetras ĉi tieajn vilaĝaĉojn. Mi povas rakonti nun instruan historieton pri tio, ĉu ne?«

»Ĉu vi aludas tiun historion kun la ŝmiraĵo?« demandis lin la tria, belkreska kaj juna ĝendarmo.

»Mi ne konas la historion«, mi demandis; »ĉu vi povus ĝin rakonti al mi?«

»Do, tiu historio ŝajnas estas kopiita el Jack London, kaj se iu estus ĝin rakontinta al mi antaŭe, mi estus tuj dirinta al li tion. Sed bedaŭrinde, ĝi estas tro vera, ĉar ĝis hodiaŭ mi havas pri ĝi klopodojn«, komencis la dua.

»En mia vilaĝo vivis riĉa kamparano Opáleník. Li estas ne malriĉa homo, posedanta belan mastrumadon, multan brutaron, fekundajn kampojn en la valo kaj nenio ŝajnis manki al li por la bonstato.

Iun tagon ŝajnis al li, ke en lia gorĝo ne estas io en ordo. Li sentis ian gratadon tie, li ne povis bone engluti la manĝon, io lin premis. Ankaŭ la kapo doloris. Mi ne estas kuracisto, mi ne scias, ĉu vere li havis ian anginon, sed li plendis ankaŭ al mi pri siaj malagrablaĵoj.

Lia bofrato Jura Tomaŝík havis en tiu ĉi tempo viziton. Vi scias ja, ke de la rutenoj vivas la duono ĉi tie en Subkarpata Rusujo kaj la duono en Usono. Do venis la frato de Jura por transpreni kaj vendi la heredaĵon post sia patro.

Dimanĉe venik Opáleník viziti Jura'n. La amerikano sidis apud la tablo kaj aŭskultis la interparolon, enmiksante sin per kelkaj saĝaj vortoj kaj »eldiraĵoj«, kiel taŭgas por mondvojaĝulo.

Opáleník plendis pri siaj malsanaj gorĝo kaj kapo kaj priskribis siajn dolorojn kaj ĝenaĵojn.

»Mi riĉe rekompencus tiun, kiu povus min liberigi de mia malsano«, li finparolis.

»Hm«, diris pripenseme la amerikano, »estas facila afero. Se vi havas monon, mi povas helpi al vi. Ĉe ni en Ameriko ni havas bonan kaj neniam malsukcesan rimedon, kiun mi povas al vi prizorgi. Ĝi ja kostos monon, sed mi povas al vi garantii, ke vi neniam malsaniĝos. Ekzistas ĉe ni ŝmiraĵo, farita el amerikaj herbaĵoj, per kiuj sufiĉas nur ŝmiri la kolon, kaj vi estos sana por la tuta vivo. Sed oni devas unue dehaki

---

Swift ie skribis, ke »amuzado estas la feliĉo de tiuj, kiuj ne povas pensi«, kaj Tagulo opinias, ke progresinta spirito nature forlasas ankoraŭ multon krom amuziloj. Trovante interne tion, kio feliĉigas, ĝi suriras la »vojon rezignan«, sur kiu materiaj ambicioj kaj egoisma akiremo cedas lokon al spiritaj valoroj kaj kolektivismo. Estas certe, ke la plej gvidantaj spiritoj preskaŭ ĉiam emas al simpla vivado, kaj la alte evoluintaj utopianoj de Hyams komune atingis la vojon de rezigno. Variecon de vestmodoj kaj manĝoj ili ne bezonis. Tabakon, alkoholon, teatrojn, dramistojn, sensacieman gazetaron, naciajn armeojn kaj kapitalisman ekonomion ili forigis kiel tute superfluajn kaj malutilajn.

La ideoj de Hyams estas evidente influitaj de la Platona »Respubliko« kaj de aliaj utopiaj verkoj. Estas interese noti, ke »Nova Sento« pledas por iuj ideoj, kiuj poste trovis pli vastan akcepton, ekzemple virina harmodo moderna, ia Ligo de Nacioj, kaj certaj malliberejaj reformoj. Cetere, la ideala sociordo, kiun ĝi priskribas, enhavas multon, kio parencas al formala komunismo, sed komunistoj konstatas per la plumo de N. V. Nekrasov: »En la fino de sia romano Tagulo sukcesis neniigi ĉiujn pozitivajn flankojn de la verko per neimagebla transkurbiĝo en mistikan sferon de spiritismo kaj teozofio.«

Verkante »filozofian romanon«, kvazaŭ detalan gvidlibron pri sia ideala ŝtato, Tagulo verŝajne elverŝis sian tutan direndon, kaj ĝuste tial la verko plene respegulas la siatempan aŭtoron. Ĝi montras lin estetulo, kies sociala kaj mistika filozofio postulis, ke belo konkretiĝu en la vivo mem per pli sana kaj pli feliĉa homaro, kaj lia estetismo estas tiu de la spiritiĝinta homo, kiu neas la gastronomiajn kaj erotajn plezurojn. Kiom sabre ia Aldous Huxley atakus tian spiritiĝeman aspiron, kiu volas ĝistrunke pritondi la homan fruktarbon profite al unika branĉo! Huxley kaj Hyams, ambaŭ esprimis admiron al la greka kulturo, sed la lasta malkonsekvence neglektis ĝian kulturiĉan politeismon. Homaj aspiroj ja estas diferencaj, sed feliĉe tio ne devas ĝeni la verkiston de teoria utopio, ĉar li povas minimumigi internajn konfliktojn, kreante la tutan popolon laŭ sia bildo.

Eĉ la libro-presaĵo mem estas iel Taguleca. La ĉapitroj estas kape ornamitaj per simplaj sed elegantaj vinjetoj, desegnitaj de la aŭtoro, kaj la larĝmarĝenaj paĝoj estas delikate verdaj, por okula komforto.

Estis malfacila tempo kiam aperis »Nova Sento«, kaj mi tute ne scias, kian akcepton ĝi renkontis ĉe la tiama esperantistaro, sed ĉiuokaze ĝi meritis aklamon. En nia originala literaturo plifruis ĝin nur kvar gravaj romanoj; nome, tiuj de Vallienne kaj Luyken, sed enhave »Nova Sento« superis siajn antaŭulojn. Vallienne talente distris siajn legantojn, Luyken verkis interese kaj belstile sed eksmode, dum Hyams, malgraŭ sia mistiko, salutis la estontecon.

la kapon, ŝmiri ĝin kaj la kolon per la ŝmiraĵo, surmeti ĝin poste al la kolo, la kapo tuj alkreskos kaj vi estos sana. Mi tion vidis propraokule. Morgaŭ mi forveturos, do post unu, du monatoj vi jam povos havi la smiraĵojn.«

Tre ekmiris ambaŭ kamparanoj pri la mirakla kuracilo kaj Opáleník tuj donis al la amerikano monon por aĉeti kaj sendi la ŝmiraĵon.

Pasis du monatoj. La amerikano efektive sendis la ŝmiraĵon kaj Opáleník petis Jura'n fari, kion diris lia frato. Tiu senhezite, por sanigi sian bofraton, vere, unu dimanĉon, kiam ili soliĝis en la bieno de Opáleník, prenis akran hakilon kaj preparis la ŝmiraĵon. Opáleník metis fideme la kapon sur lignan blokon, la bofrato streĉis la brakon kun la hakilo kaj per unu bato li forhakis la kapon de Opáleník. La kapo ruliĝis sur la tero, Jura ŝmiris la kolon kaj la kapon per la mirakla ŝmiraĵo, poste surmetis ĝin al la kolo, sed ho ve! ĝi ne volis alkreski. Vane atendis Jura kvaronhoron, tenante la kapon ĉe la kolo de Opáleník. Li fine malesperis, revenis hejmen kaj sin pendigis.

Kaj ni nun serĉas la fraton de Jura en Ameriko. Se mi ne havus ĉiujn dokumentojn pri tio hejme, mi neniam kredus, ke rakonto de Jack London povus esti vera.«

»Jes, tia popolo vivas ĉi tie. Ekstreme fidema kaj malklerega« diris la unua ĝendarmo. »Mi povas tion ankaŭ certigi. Aŭskultu nur mian historieton, okazintan antaŭ unu semajno.

Vi certe aŭdis pri la murdo de Eliáŝ Hakulín en D... Do, mi estis komisiita kun mia kamarado, esplori la aferon. Ni alvenis al la vidvino de la murdita Hakulin vespere por gardi la kadavron dum la tuta nokto. Ni surgrimpis la fornon kaj, por nin endormigi, ni interbabilis. La vidvino de Hakulín estis kun ni en la granda ĉambro.

»Sed tiu homo, kiu mordis Hakulínon, estas nun ŝarĝita de granda peko«, komencis kamarado Novák. »Tiu estos certe post sia morto ege turmentata en la infero.«

»Certe, mi ne volus esti en lia haŭto«, mi rediris, divenante la planon de Novák.

Kaj ni nun komencis priskribi la turmentojn, kiuj atendas la murdinton de Hakulín. Ni elpensadis ĉiun eblan plej teruran turmentaĵon. Duonhoron daŭris nia interparolo, ĝis fine la vidvino ne plu povis tion elteni, kaj ekkriis:

»Ho, silentu nur, mi murdis lin! Dio estu kompatema al mia animo«!

»Mi rakontos al vi ion pli gajan,« diris la tria ĝendarmo, »kvankam ankaŭ el mia servo.«

En la vilaĝo, kie mi nun vivas en ĝendarmejo, vivas maljunulo Pantaleon. Li estas mizerulo, sed antaŭ duonjaro li konstruis al si barakon el argilaj brikoj. Li estis tre fiera pri sia barako kaj, sidante en la gastejo de l' judo, li diris: »Barakon mi havas, nun mi bezonas nur virinon.«

Li efektive elserĉis unu, kvindekjarulinon Marja, kiu havis nenian hejmon kaj vivis el homa kompatemo, sed tamen ŝi estis forta kaj kuraĝa virino, kiu longe ankoraŭ ne opiniis sian vivon plenvivita.

Do, la maljuna sesdekkvinjara Pantaleon venis al Marja kun sia peto. Marja pripensadis kaj fine konsentis. Sed la grizhara kaj kurbeta Pantaleon devis aĉeti liton kaj kusenon kaj konstrui ankaŭ fornon, kiujn aĵojn ĝis nun li ne havis en sia barako. Poste li devis subskribi al Marja paperon, de Marja propramane skribitan, ĉar sciu, ke Marja lernis skribi kaj legi, kiel vi scias. Pantaleon ne scipovis tiun arton, li lernis nur subskribi sian nomon per grandaj zigzagaj literoj.

»Pantaleon, por ke vi sciu, kio estas sur la papero, mi legos tion, kion vi subskribos, male vi poste dirus, ke vi nekonscie subskribis:

Mi, Pantaleon Karbovanec propravole donacas al Marja Huleja mian barakon por ŝia tutviva uzo kaj loĝado.«

»Jes, bone, mia Marja, ĉion mi faros por vi,« parolis la enamiĝinta Pantaleon, farante sian subskribon.

Sed jam la unuan tagon, kiam li prenis Marja'n al si, ilia feliĉo malsereniĝis, ĉar Pantaleon foriris en la gastejon por la kutima gluto da brando. Kiam li malfrue revenis, Marja tre malkontentis.

Post kelka tempo stratvendisto Mustanoviĉ komencis viziti Marja'n dum la foresto de Pantaleon.

Okazis foje, ke Pantaleon revenante hejmen el la gastejo, vane klopodis malfermi sian barakon.

Li enrigardis tra la fenestro kaj ekvidis sian Marja'n, kuŝantan kun Mustanoviĉ. Pantaleon faris bruegon kaj kriis. »Malfermu mian barakon, alie mi vin ambaŭ mortigos. Kaj tiu kanajlo malaperu!«

»Foriru, maljunulaĉo,« ekkriis Marja. »Tio estas mia barako, ne ĝenu min, mi volas dormi.«

Kaj ili ne enlasis la kompatidan Pantaleon'on. Fine li devis foriri kaj dormi sur la herbaro.

Sed frumatene li leviĝis kaj iris al la vilaĝestro. Vi scias, ke en vilaĝo oni frumatene leviĝas, precipe somere, kaj la vilaĝestro estis jam laboranta, kaj vivinte en urbo, kio estas maloftaĵo en ĉi tieaj vilaĝoj,



Grigorescu *La paŝtisto.*

# Hungara Antologio

— G. Waringhien —

II.

Estas konata fakto, ke en ia ajn literaturo prozo disvolviĝas kaj maturiĝas nur longtempe post poezio; junaj popoloj esprimas sin verse, kaj ofte kreas verajn ĉefverkojn, dum ilia prozo estas ankoraŭ mallerta, implika kaj preskaŭ infana. En la franca literaturo oni devas atendi ĝis Montaigne kaj Rabelais por ĝui prozajn admirindajn monumentojn, t. e. kvar jarcentojn post la apero de la unua granda poemo, la Rolandkanto. Krom Luther, kies kazo klariĝas per neliteraturaj cirkonstancoj, la germana prozo komenciĝas nur kun Goethe. Ne estas do mirinde, ke en Hungarujo, kie la poezio ekfloradis nur ĉirkaŭ la 19-a jarcento, la prozo liveras nur en tre moderna tempo rimarkindajn fruktojn. Kaj malgraŭ la tre alta nivelo de kelkaj romanoj aŭ novelaroj oni devas rekoni, ke ĝis nun Hungarujo donis al Eŭropo neniun internacian genion, kiel faris — intence mi ne citas el la ĉefliteraturoj — Norvegujo kun Ibsen, Danujo kun Andersen, Provenco kun Mistral kaj ĵuse Ĉekoslovakujo kun Hasek. Sed nun la necesaj kondiĉoj, por ke montru sin tia genio, ekzistas ĉiuj: multaj interesaj verkistoj akumulis en la literaturon sufiĉe da mondobservoj, da animanalizoj, da morstudoj por ebligi la aperon de grandstatura romanisto; kaj en la Antologio, almenaŭ du verkistoj pruvas al ni, ke ili kapablas skribi tiun artan stilon, sen kiu ne ekzistas altvalora prozajo. Mi aludas Mihály Babits (mihaj babiĉ) kaj Dezsö Szomory (deĵe somori). Babits, kies romanan talenton ni konas per lia tiel impresa verko, jam esperante tradukita, la »Cikoni-Kalifo« — unu el la libroj, kiuj stampiĝas en la animon kaj ne plu foriĝas el ĝi , — Babits prezentas al ni tie ĉi longan novelon, kun titolo »Mitologio«. Nenion pli larĝospiran, pli sovaĝodoran, pli eposan mi legis ol tiu peco. Certe ĝi iom memorigas la »Centaŭron« de Maurice de Guerin, sed tiu lasta estas pli filozofiema, pli revplena, ol la brilega peco de antikva bareliefo, kiun alportas al ni Babits. La »Centaŭro« de Guérin estas panteista himno al la naturo, »Mitologio« de Babits estas la laŭdo de la humaneco, en sia plej tipa ekzemplero, Heraklo. Vi eble memoras, ke jam la helenaj stoikanoj konsideris Heraklon kiel simbolan virtmodelon: la fablo de Heraklo hezitanta inter la du vojoj, inter la virto kaj la malvirto, estas sufiĉe signifa pri tio. Tiun antikvan miton Babits renovigis, realigante per la potenco de imago, kiu ne estas malsupera al tiu de Kipling en la Gangallibroj, scenojn el la vivo kaj laboroj de Heraklo. Tiu ĉi pelĉasas la Apron de Erimanto, kaj dum lia pelado li renkontas la preskaŭ senvivan korpon de bela junulo, Hilas. Li savas lin, amas lin kaj edukas, ĝis la knabo malaperas, logita de la nimfoj kaj de la volupto. Heraklo, serĉante lin, eniras en la groton de la Centaŭro Folos, kaj invitita de li, partoprenas grandan orgion; sed la aliaj centaŭroj alvenas, logitaj de la vinodoro, kaj la diboĉo finiĝas per terura batalo. La vino bestigis la centaŭrojn, kiuj ekstermas sin en freneza ebrio, dum Heraklo, naŭzite, sed memregante kaj konsciante pri sia homa supero, malproksimiĝas por plenumi la truditan taskon, la mortigon al la Erimanta Apro. Provinte la amikecon, sed perfidita de ĝi, Heraklo lasas sin logiĝi de la malnoblaj plezuroj — sed, kiam venas mateno, li rekonsciiĝas, kaj altanime reiras al sia laboro, la monstropurigado de la tero. Alta himno al la vireco kaj al la vivstrebo, tiuj lumplenaj paĝoj prezentas al ni plej belan figuron de la homo. Cetere tiu morala konkludo eliĝas el la teksto, sed ne estas pedante klarigita: poemon ni legas, ne predikon; kaj eksterkutime gravan kaj densan poemon. Senkomparaj ĉefverkoj estas pecoj, kiel la priskribo de la arbaro, ĉe la komenco: »li ridegis... Kun li ridis la suno brilanta tra la foliaro? Kun li ridis la arbaro. Ĝi jubilis de nevideblaj birdoj, sonoris de skaraboj, brilis en gajverdaj koloroj. Ho, bone konis Heraklo tiun ĉi gajon, li bone sciis, kion ĝi kaŝas. Liaj akraj okuloj ekvidis la kaŝiĝantajn birdojn, rimarkis sub la arbetoj la estigantojn de la glitsusuraj bruoj, kvankam ilia verdeta, makulita koloro tute fandiĝis kun tiu de l' foliaro. En la tramiksitaj sonoroj kaj kriĉoj, liaj oreloj sciis distingi la voĉon de l' persekutanto kaj de l' persekutato, la vekrion de l' surprizito, la triumfajn aŭ dolorblekajn signifojn. Li sentis per ĉiu fibro, ke la terura, eterna lukto, la kruela

---

hazarde ankaŭ mi ĉeestis pro ia ofica afero. Pantaleon ekĝojis, min vidante.

»Ho, sinjoro ĝendarmestro, faru vian oficon,« li kriis kaj rakontis al ni sian malfeliĉon, ke li estas elpelita el sia propre konstruita barako.

Ni decidis, ke ni alvokos posttagmeze ambaŭ kulpulojn kaj klopodos aranĝi milde la aferon.

Posttagmeze ni ĉiuj kunvenis. Marja venis en parada vesto kun Mustanoviĉ kaj ekparolis antaŭ ol ŝi estis alparolata, ke Pantaleon minacis ilin per mortigo kaj volis ilin prirabi.

»Pro kio vi ne volis enlasi Pantaleonon en lian barakon?«, demandis la vilaĝestro.

»Ho, sinjoro ĝendarmestro,« turnas sin Marja al mi,« jen la dokumento, ke la barako estas mia, kaj eltiris el sub sia brusto la fatalan paperon.

Kaj en tiu ĉi momento tio okazis.

Marja estis prezentanta al mi la paperon kaj jen! fulmorapide streĉiĝis la mano de Pantaleon, elŝiris la paperon el la mano de Marja kaj metis ĝin en la buŝon kaj ĝin dismaĉis.

»Por ke vi sciu, ke mi ne estas tiom stulta,« ekparolis Pantaleon englutante la dismaĉitan »dokumenton.«

»Li manĝis mian barakon!« ekkriis Marja furioze.

Kion fari? Ni sciis, ke la barako apartenas al Pantaleon, do ni povis nur konsili al Marja, ke ŝi redonu la ŝlosilon al Pantaleon. Mustanoviĉ, vidante, ke la afero progresas malfavore por li, kaj timante pluan demandadon, ĉar li prenis kusenon de Pantaleon, jam pli frue malaperis. Marja devis obei mian konsilon, sed ŝi plendis ĉiam, ke Pantaleon »manĝis ŝian barakon.«

Tiamaniere savis Pantaleon la barakon kaj de tiu tempo neniam venis al li ideo preni al si virinon.

»La papero havis malbonan guston,« li diradas, »kaj mi ne volas duafoje ĝin manĝi.«

La ĝendarmoj eksilentis. Nokta silento regis en la arbaro. Mi rigardis la dehakitan arbaron, brilantan de la morta luna lumo, la stelaron kaj pensis pri homoj, kiuj sin malamas, kverelas, batalas kaj sin mortigas, kvankam ilia vivo estas tiom mallonga kaj post la morto nur kelkaj jaroj sufiĉas por malaperigi eĉ iliajn nomojn. Kaj la suno varmigas kaj vivigas ĉiujn kaj la steloj brilas trankvile kiel anoncantoj de eterneco el aliaj mondoj.

## Mongolaj proverboj

*Unu homo ne estas homo, unu fajrero ne estas fajro.*
*Ne demetu la botojn ne vidante la akvon.*
*Ne ornamu vin per ornamaĵoj, sed per scioj.*
*La plej bona riĉo estas la scio, la meza estas la parencaro, la plej malbona estas la brutaro.*
*Ne diru — la monto estas nepasebla, sed diru — ni pasos, kaj vi pasos.*
*Prefere rompu vian oston ol vian nomon.*
*Ne riproĉu, ke la venena serpento estas malgranda.*
*Rapidu lerni, eĉ se vi mortos morgaŭ matene.*
*La infano, kiu falis mem, ne ploras.*
*Malsukcesa princo havas malsaĝajn subulojn.*
*Formanĝi aŭ ne — la lupo estas ĉiam kulpa.*
*Panon peti de mortinta ruso.*
*La vivo estas kandelflamo en vento.*
*Milmejla vojo komenciĝas per unu paŝo.*
*Ne montru la fumon el naztruoj, eĉ se fajrego bruas en via brusto.*

Esperantigis: *Junŝebu*

---

amasbuĉo ĉirkaŭ li ne ĉesas eĉ por momento. Li sciis tion, kaj ridegis! Ĉar ĉiu ĉi malhela kaj luktanta vivo estas gajo kaj plezuro por tiu, kiu povas ĝin rigardi fortokonscie kaj sen timo...« Mi rekomendas ankaŭ al vi la pentron de la orgio en la groto: »Iu centaŭro per ŝaŭmanta vino aspergis la knabinojn. Grandaj ridegoj aŭdiĝis. El la arbaro esploradis centaŭrino kun malhelaj kaj ĵaluzaj okuloj... La sobriĝanta Heraklo mire rigardis siajn terurajn amikojn. En lia animo kirliĝis terura kaoso. La flava vaporo de l' vino vualis antaŭ li la mondon. La sanga amuzo de l' monstroj, la knabinkorpoj, la centaŭrino, la kolosa muĝo de l' arbaro, noktaj birdoj kaj foraj bestvoĉoj, la malseka alkohola odoro, glataj femuroj, sovaĝaj krioj kaj voluptaj spiregoj en sola, medisigebla maso bolis kaj fermentis en lia cerbo. Kaj ĉio, ĉio, lia tuta mondo, lia tuta esto implikiĝis en tiun ĉi grandan nodon de volupto kaj ebrio kaj naŭzo, kaj ĉio kroma, memoroj, pasintoj, tristoj, malproksimoj: kvazaŭ malaperis, disnebulis en senkorpan sonĝon...« Pli saĝaj ol la homo! pensis Heraklo pri la centaŭroj kaj rigardis la potencajn estajojn, kiuj ĉiam obeeme fandiĝis en la grandan ludon de l' estantaro, li sentis, ke ili estas unuj kun la tero, kun la arboj, kun la roko, kun la forto de l' montoj, kiu donas la vinon; kaj en iliaj membroj viviĝis la volupto del' obskura Naturo...«

Tute alia estas la maniero de Dezsö Szomory. Per disrompitaj frazoj, ŝajne hazarde fluanta stilo li redonas plej delikatajn nuancojn de la sentoj, li esprimas kun mirinda fideleco ĝuste tiujn konfuzajn animstatojn, kiujn klarigi estus ja detrui. En tiu malluma, meznokta krepusko de l' konscio kuŝas precipe la reĝlando de tiu granda verkisto, kiu, por ni francoj, parenciĝas iom al Goncourt samtempe, kiel al Proust: al Goncourt pro la efekteco de lia lingvo, la peno al plej esprimivaj dirmanieroj, al Proust pro la aranea delikato de lia psikologio. La novelo »Ĉe Mühlhaŭsen la malĝoja oficiro« temas pri kelke eksterkutima aventuro: nobela junulino fordonas sin nokte, en kampoj, al jam maljuna, malĝoja oficiro, en la unuaj tagoj de la milito. Sed jen ĝuste la arto, tiel subtila, de Szomory: se oni legas tiun leteron de Adrienne Bernay, oni trovas laŭnatura, preskaŭ fatala ŝian geston. Per mil detaloj, per iu »trepido« de la stilo, li sciis meti nin en tian atmosferon, ke ĉio ŝajnas al ni komprenebla, eĉ aprobinda. Tiun sorĉadon al la leganto mi opinias la plej alta grado de la novelarto. Unu el la plej impresaj pecoj, kiu oblikve, sed des pli bone komprenigas al ni la animstaton de la rolulino, estas la nokta vojaĝo de la militvagonaro al la fronto: »nigraj vagonoj, kun la amara pezo, vaporiĝanta haladzo kaj kunpremiteco de l' homa karno, senfinaj vagonvicoj kun kvazaŭ el ŝvelintaj fenestroj kiel la melonaj korboj, kun homaj vinberaroj pendantaj sur la ŝtupoj, ili ekskuiĝis pro la unua radturniĝo, kvazaŭ ili volus vomi el si ĉi tiun kunpremegitan liveraĵon. La planko de l' kupeoj grakis, la muroj krakis kaj la tuta senfina vagonvico, kun ĝia aglomeriĝanta feromaso, hurlegis kvazaŭ metala tondrego, kun la stertora muĝego de l' ĉenoj, bufroj, risortoj, bremsoj kaj fenestro-vitroj, kion superkriaĉis ektimintaj virinaj voĉoj, kvazaŭ sopranoj de terurita ĥoro super la sonolafo de freneza orkestro... Kaj kiam ni haltis ĉe ĉiu malgranda stacio... la inferaj ferotondroj ripetiĝis denove, la tuta danco, la tuta kaoso, akompanate de novaj sonoj kaj novaj murmuroj, kaj de grincado de l' gardlampoj preter la rel-linioj, kaj de l' pretersiblanta kirlego de la kontraŭvenantaj trajnoj, kaj de l' flugadantaj demandosignoj de l' foraj kaj proksimaj fajfoj, kaj de l' spirego kaj bruliganta vaporeksplodo de l' tro hejtitaj lokomotivoj... »Mi ne povas citi la tutan paĝon, sed vere, mi ne konas en mia propra literaturo sampotencan priskribon pri tiu multfoje aludita sceno.

Trian nomon mi signos ankaŭ al la atento de la legontoj, tiun de Zsigmond Móricz (pr. ĵigmond moric), kvankam ne pro la samaj kaŭzoj. Tie ĉi ni ne plu havas stilrafinon, vortefekton, kaj lingvobrilon, kiel ĉe la antaŭe studitaj verkistoj. Simpla kaj vole neglekta, la lingvo celas nur prezenti al ni la vivon tia, kia ĝi estas, en sia tuta krudeco, stulteco kaj mizero. Kiel Maupassant, Móricz pentras vilaĝanojn, respektante ilian potencan, kvan-



Strambulescu *Kamparanino en ĝardeno*

# Vojaĝo en Faremidon

— Frederiko Karinthy —

TRIA ĈAPITRO.

*Kelkaj vortoj al la leganto. / La homo kaj la maŝinoj. / La loĝantoj de Faremido. / La aŭtoron oni komparas al la plantoj.*

La leganto, kiun vojaĝpriskriboj igis ja ankaŭ cetere tro pretendema, eble malkontente kaj senpacience konstatis ĉe la fino de l' antaŭa ĉapitro, ke li apenaŭ konceptis ion el ties esenco, ne komprenante, kio estas tiuj mirindaj maŝinoj kaj surprizaj plantoj, kiujn cetere nur skize mi povis priskribi, parolante pri tiaj fenomenoj, kiujn cetere — laŭ mia scio — neniu vojaĝpriskribanto notis ankoraŭ en sia taglibro.

Humile mi petas la leganton, pripensi, ke, unuparte, kiel simpla kirurgo, kiel mi jam menciis, mi ne estas vortartisto kaj eble mi esprimis min neperfekte kaj aliparte, la fenomenoj, kiujn en la dua ĉapitro mi priskribis, min surprizis tute same kaj ili estis same nekompreneblaj en la unua momento, kiam mi ilin renkontis. Sed mi petas paciencon kaj fidon, modeste aludante miajn kvar antaŭajn vojaĝpriskribojn, en kiuj mi ofte notis nekompreneblajn fenomenojn, kies senco kaj signifo klariĝis nur poste, per la sekvaĵoj. Ĉiuokaze donas grandan plifaciligon al la leganto, se li konas miajn kvar antaŭajn vojaĝpriskribojn (pri Liliput, Brobdingnag, Laputa kaj Hauhnhnmlando), kiujn Swift Jonathan aranĝis por preso.

Tamen, por plimallongigi mian rakonton, mi anticipas la moralan instruon, kiu poste, dum mia restado en Faremido, maturiĝis en mi kaj kiun, se la metafizikaj verkoj de l' dudeka jarcento ne estus min koruptintaj kaj infektintaj, jam delonge, antaŭ Faremido, mi estus devinta kompreni, por ne surpriziĝi pri tio, kion mi spertis en ĉi tiu lando.

Estas konstateble, ke, ĉe la unua apero de la homoj sur la tero, ankoraŭ ne estis maŝinoj, ne estis arto kaj scienco. Tiutempe ĉio, kion la homoj faris, devenis el natura bezono; ili sin vestis, ĉar estis malvarme, ili fabrikis hakilon por plifacile haki la arbon. Poste venis la sciencoj kaj artoj, kies sola celo, ĉu ne, estis parte helpi la homon en liaj malfacilaj laboroj, kaj parte kompletigi niajn ideojn kaj imagojn, kiujn ni formis pri la sensitaj fenomenoj. Por levi la pezajn objektojn oni eltrovis la pulion, por pli preciza kaj pli ekzakta ekkono de la viditaj fenomenoj oni inventis la desegnon kaj la skribon.

Kompreneble post jarcentoj ĉiam pli kaj pli perfektiĝis la scienco kaj la arto; grandiozaj maŝinoj helpis la homon en lia laboro, multobligante ĉiun eblon, kaj ĉiam pli kaj pli perfektaj statuoj, pentraĵoj, poetaj verkoj fiksis kaj prezentis la hasteme sensitajn tempajn kaj spacajn fenomenojn en ilia plena signifo.

Fine ni atingis, ke la maŝinoj ne nur helpis la homon en ĉiu lia laboro kaj multobligis lian forton, sed ankaŭ ili solaj multe pli perfekte plenumis la laboron, ol nia fortmanka homa korpo ĝin iam povis plenumi. Tiel ankaŭ la artoj: pentraĵoj, statuoj, verkoj, komponaĵoj esprimis kun tia perfekto la simptomojn de l' vivo, la formon, la ko'oron, la eventon, la senton, ke la reala vivo malproksime postrestis al ili pri invento, belo kaj esprimforto.

Kio sekvis el tio? Maŝinoj kaj verkoj superis la homon: ili fariĝis pli perfektaj; kaj baldaŭ ni atingis, ke, se la homo volis esti perfekta, li devis imiti la maŝinojn kaj verkojn, kiuj iam imitis la homon. Je la evoluo de nia karaktero pleje efikis nia kulturo, romanoj, dramoj, verkoj. Niajn formojn difinis la arto. Iam, promenante en Budapest, mi vidis sukervendejon, kiu sin nomis »aŭtomato«, supre oni enĵetis groŝon, kaj post tio sukeraĵo elvenis tra aperturo. Interne de ĉi tiu aŭtomato sidis homo, la mono falis en lian manon kaj li elŝovis la sukeron tra l' aperturo. Ĉi tiu homo senkonscie rekonis, ke la homoj pli multe fidas al maŝinoj, ol unu al la alia kaj li volis kredigi per ruza artifiko, ke li estas maŝino.

La homoj atingis, ke ili jam donis dekmiloble pli multe por pentraĵo prezentanta nudan virinon, ol por la virino, kiu servis modele al la pentristo; oni ne donis al la homo la respekton, kiun ricevas lia imitita, rekonstruita kopiaĵo. Mi rememoras, kia sincera indigno vekiĝis en mi, nelonge antaŭ mia vojaĝo al Fa-

---

kam konfuzan individuecon, iliajn profunde fortajn, kvankam malklare esprimitajn sentojn; li starigas sur la fono de l' labortrudanta tero tiujn krudajn brutkonturajn siluetojn, kun tute aparta energio. En la tradukita novelo, »Malriĉaj homoj«, aldoniĝas al tiuj karakteroj la priskribo pri la malordego, kiun povas meti en la primitivan cerbon de kampulo tiel ĥaose monstra evento, kiel la milito. Dum libertempo, la soldato konstatas la mizeron de sia familio, kaj, pelita de apenaŭ konsciaj fortoj, uzas por liberigi ĝin la tutan scion, kion li akiris ĉe la fronto: ŝtelon kaj murdon. Sed tiu krimulo ne ĉesas esti iurilate homo; li buĉis infanetojn, sed uzas parton de la ŝtelita mono por aĉeti mielkukojn por la siaj. Koncize terura akuzado al la milito! Tiu peco, per la larĝaj kaj dikaj peniktuŝoj, per la kruda brilo de l' farboj estas unu el la plej drastaj pentraĵoj, kiujn mi legis ĝis nun.

Ceterajn prozistojn mi ne volas tie ĉi pli detale studi, ĉar, kvankam interesaj, ili ne atingas la staturon de tiuj tri. Cetere tio ne pruvas ke ne ekzistas en la hungara lingvo, aliaj samvaloraj pecoj. Kalocsay en la enkonduko, avertis nin ke li »volis doni ne tiom dokumenton pri la hungara literaturo, kiom interesan kaj plezure legeblan legaĵon«. Kaj se en la franca publiko plimulto preferas P. Benoit al A. Gide, des pli kompreneble ĉe la esperanta iu Ferenc Molnár aŭ Endre Nagy vekos pli da intereso al Babits aŭ Szomory.

Mi ĝis nun ne parolis pri la tradukintoj: Bodo, Halka, Szilágyi kaj Totsche. Ili ĉiuj rimarkinde sukcesis en sia, ofte subtila kaj delikata, tasko. Sed du precipe indas atenton kaj admiron, Bodó kaj Totsche. Ni jam konis ilin per aliaj verkoj: sed tie ili, ne nur prenis sur sin la plejparton de l' laboro sed ili ankaŭ alfrontis malfacilegajn, krutajn verkojn; kaj oni povis juĝi, laŭ la pecoj kiujn mi citis el »Mitologio« (Totsche) kaj »Ĉe Mühlhaŭsen« (Bodó), kun sia majstreco, per kia arto ili venkis la malhelpojn. Neniam oni sentas ilin penaĉi super fremda teksto; ĉio fluas rekte, larĝe senbare — kun la potenca kvieto de bela rivero. Apud la servo farita de ili al *sia* hejma literaturo, ni devas danki ilin pro tiu — netaksebla — kiun ili faris al *nia* lingvo.

Unu rimarkon, ĉe la fino. J. Baghy ne tradukis eĉ unu paĝon el la proza parto, kaj en la poezia oni trovas de li nur malgrandan, 35-versan poemon. Ŝajnas, ke li tute ne ŝatas prunti al aliaj aŭtoroj siajn esperantajn kapablojn, kaj konsentas esprimi per nia lingvo nur siajn proprajn ideojn: jen eble kial li ne sentas ĝian vortmalriĉon.

## Nokta kanto

— Hendrik Adamson —

*Folisusur',*
*fontet-murmur',*
*jen ĉielrando en purpur'.*
*El post kurtenet' flirtanta*
*lumetadas nokt-kandel'*
*kaj la mondon tramigrante*
*gardo-staras dorm-anĝel'.*

*Folisusur',*
*fontet-murmur',*
*jen ĉielrando en purpur'.*
*En brilante blanka robo*
*baldaŭ venos la maten',*
*sur la ŝultro kun sunglobo;*
*disrompiĝos nokt-katen'.*

*Folisusur',*
*fontet-murmur',*
*jen ĉielrando en purpur'.*

remido, kiam la barbaraj germanoj ekbombardis la katedralon en Reims, sed samtempe mi nur surface rimarkis, kiom da viktimoj estis oferitaj en ĉi tiu batalo. Sed ja ĉiuj ni scias ankaŭ tion, kiom pli multe gravis, kiom pli grandan entuziasmon vekis la famo, ke ni kaptis unu-du ŝipojn aŭ kvin-ses kanonojn de l' malamikoj, ol tio, ke ni sukcesis mortigi el ili kvin-ses mil homojn; kvin kanonoj egalvaloras por ni kvinmil homojn kaj estas same granda perdo ankaŭ por ili. Se mi estus jam tiutempe sobre pensinta pri tio, mi ne estus devinta tiom lerni en Faremido per mia propra malutilo. Mi estus kompreninta, ke la homo ĉiam pli altetaksis, kion li kreis, ol sin mem, kaj en ĉiu sia kreaĵo li penis krei ankaŭ sin mem, krei nova kaj pli perfekta, por ke poste li mem ĉesu ekzisti, kiel superflua argilmodelo, en kiun oni fandis la metalon. Mi estus jam devinta tion kompreni, kiam oni inventis la kinon kaj mi vidis, kiom pli volonte oni vizitis la kinoteatrojn, kie oni vidis nur la surmure projektitajn bildojn de la sama aktoro, kiun ili estus povintaj vidi, por la sama sumo, ankaŭ en sia viva realo sur la eksmoda teatra scenejo. Vere ope kaj aparte, en detaloj kaj en tuto, la homo, jam de l' komencaj tempoj, volis modeli pli perfektan estaĵon pri si mem: por tio servis la mikroskopo kaj la teleskopo, la fotografmaŝino kaj la Röntgen-radio, la aŭtomobilo kaj la aeroplano.

Mi diras, se ĉion ĉi mi estus sobre pripensinta kaj kompreninta: mi estus povinta veki en la loĝantoj de Faremido pli grandan respekton kaj estimon por mia arde amata patrujo. Ili estus rekonintaj, ke la miro, kiu min preskaŭ narkotis, kiam ĉe la fino de la arbara vojo disvolviĝis antaŭ mi tiu brila konstruaĵo, ke jam ĉi tiu miro mem pruvis: ke malgraŭ mia homa malperfekteco tamen mi estis inda vivi inter ili kaj eble iam iĝi simila al ili. Sed mi, antaŭokupite kaj stulte, longtempe insistis pri la supozo, ke tian kreaĵon povas produkti nur homa mano.

Mi staris tie kaj ĉirkaŭrigardadis kapturne: tiam unu el la maŝinoj, starantaj antaŭ la halo, moviĝis kaj kun facilmovaj saltetoj proksimiĝis al mi. Mi rekonis la maŝinon, kiu min portis ĉi tien kaj min lasis sola sur la transa bordo de l' rivero. Ĝi aŭdigis la saman muzikan takton. Ankaŭ kelkaj el la ceteraj maŝinoj moviĝis kaj venis tien. Ili min ĉirkaŭstaris kaj ĉirkaŭ mi eksonis efektiva koncerto, la maŝinoj muzikis. Mi iom ektimis, ĉar mi nenie vidis homon el karno kaj sango, samtempe ankaŭ la naturo komencis postuli siajn rajtojn, mi sentis malsaton kaj lacon. En la espero, ke mi eble tamen povos min komprenigi, mi ekparolis diverslingve, rekomendinte min en ilian indulgon kaj komprenon. Sed, ĉar ĉiam respondis nur muzikaj sonoj, mi refoje ekatentis kaj distinginte inter la sonoj kelkajn plurfoje ripetiĝintajn taktojn, mi imitis tiujn antaŭ ili. Tiam, kvazaŭ surprize, fariĝis silento, poste ili etendadis siajn metalbrakojn unu al la alia, ili ŝajnis fari kunsidon. Time ĉirkaŭrigardante mi rimarkis, ke ili ne ĉiuj estas unuformaj: estis inter ili flugilaj kaj senflugilaj, kvadrataj kaj rondformaj, el diverskoloraj metaloj; sed ili tute similis laŭ sinteno kaj ankaŭ laŭ tio, ke ĉiu estis komplikita kaj senfine delikata kaj preciza mekanismo.

Dum mi meditis pri tio, metalbrako sin etendis al mi kaj levis min en la aeron, mi ekvidis grandegan vitrolenson, kiun io tenis super mia kapo, kaj post la vitrolenso, radiante kaj atente, kvazaŭ grandega okulo brilis malsupren al mi. La brako, kiu min levis, malrapide movis kaj ŝovis mian kapon, mi havis la malagrablan senton, ke oni min observas, kiel la insektisto ian strangan vermon sub la lupeo. Poste ree oni min delasis kaj metis sur la teron. Poste la flugila maŝino, kiu min alportis, prenis mian manon kaj ko-



Grigorescu *Printempo*

# La flugmaŝino

— Kristman Gudmundson —

Tio okazis dum la tempo de fojnokolekto, meze de silenta somera tago en la malgranda Laxadalen, interne de Islando. La viroj el Dal kolektis la fojnon kaj metis ĝin diligente en garbon. Dum la antaŭa semajno multe pluvis kaj la akvo multe difektis la fojnon. Nun oni devis eluzi ĉiun horon, dum la vetero estas favora. Eĉ la maljuna Thoroddina, la patrino de la mastro Havardur, la maljuna avinjo, trenis sin sur la kampon, malgraŭ sia podagro. Ŝi jam estis blinda de multaj jaroj kaj en la maljunaĝo ŝi fariĝis kaprice tedema. Sed ŝi volis ĉeesti ankoraŭfoje tiun mondon, kiu estis la ŝia dum longa tempo: la mastrumon kaj la kamplaboron. Ŝi mem ja ne povis jam multe fari kaj la nova generacio, kreskinta en la familio ne multe zorgis pri ŝi. Novaj tempoj estis la nunaj, kun frenezaĵoj ensorĉintaj la homojn! Eĉ la knabo, kiel ŝi nomis ankoraŭ ĉiam la mastron Havardur, kvankam tiu jam estis trans la sesdeko, kreskis super ŝian volon. Vidu, li pasintjare malkonstruis la malnovajn varmajn torfdometojn kaj konstruigis el ligno kaj fero kelkajn domojn impertinente karajn kaj grandajn. La maljunulino faris ĉion eblan por tion malhelpi, ĉar, se tio ne estas freneza ago, ŝi vere ne scias kiel ĝin nomi. Ja oni eĉ ne povas loĝi en ili, tiel grandaj kaj vastaj estaj tiuj domoj! En ili eĉ tiu ne povas ĝuste trovi la lokojn, kiu vidas bone, kaj kion faru blindulo?

Vere estis granda bezono je iu pli maljuna kaj pli sperta por ke li kuntenu ĉion — nuntempe, kiam ĉiu rapidege kuras fruntantaŭe al la mizero kaj ruiniĝo. Nekredebla kaj fabela estis ĉio, kion oni rakontis pri la mondo, eĉ pri tiu ĉi malgranda valo mem. Ŝi ne demandadis multe, sed ŝi povis bone imagi, kien kondukas ĉio ĉi. La mondo proksimiĝas al pereo, baldaŭ alvenos la lasta juĝo. Estis amare scii pri tio, precipe por homo, kiu vivis ankoraŭ en la malnova, trankvila bona mondo, kiam la homoj laboris pli multe kaj la grundo povis resti, kia la Disinjoro ĝin kreis. Nun ĉio staras kapaltere. Oni fosaĉas la teron per ia eksterlanda aparato kaj volas al ŝi kredigi, ke pro tio estos pli bona la grenprodukto! Tion ja oni povas diri nur al ŝi, al nevidanto. Kaj ne la unuan fojon oni volas ŝin trompi. Ankaŭ tio ĉi estas tia novspeca aĉaĵo, pri kio oni ne povas distingi, kiom estas en ĝi la mensogo kaj kiom la vero. Ĉiuloke estas la sama sinpelado, rapidado kaj neniu estas konfidebla. La homoj ne estimas plu la malnovajn morojn. Eĉ la irado de la vetero estas pli forta kaj ŝanĝema, ankaŭ la suno ne brilas tiel varme, kiel antaŭe.

— Ĉu vi ne forgesis rigardi la plankon de la fojnostalo, Havardur? — kriaĉis ŝi subite, ĉar ŝi ekmemoris, ke ĝia grundo estis tre malseka pasintaŭtune.

— Certe ne, patrino — respondis la mastro. Ankoraŭ li ne hardis sufiĉe sian koron por rakonti, ke la malnovan garbejon oni malkonstruis kaj starigis sur ĝia loko modernan grenejon. Ja la patrino certe ne komprenos tion. Vere, ankaŭ li mem ne ĉiam, sed tion volis la filo, Thorodden, ĉar la tempoj tiel deziras — li diris. Havardur membrostreĉis, viŝis per la ĉemizmaniko la ŝvitantan frunton kaj observis iom da tempo la patrinon. Ŝi sidis sur monteto, kuŝigis siajn kalajn manojn en la sino kaj turnis la kapon al la suno. Ŝiaj maldensaj blankaj hartufoj taŭziĝis, la ŝrumpiĝinta vizaĝhaŭto estis bluece flava, kaj la lipo lokiĝis sub ŝia akre kurbiĝinta nazo kvazaŭ kurba linio. Ŝiaj vestoj estis jam nuraj ĉifonoj. Vane oni klopodis persvadi ŝin, ke ŝi surmetu pli bonajn vestojn, ŝi obstine insistis, ke en Dal oni kutimas bone eluzi la vestaĵon. Sed sur ŝia vizaĝo ankoraŭ montriĝis volo kaj decidemo. Estis rimarkeble, ke li tenas siajn »okulojn« sur la laboro.

Ankaŭ Havardur estis jam maljuna kaj forte griziĝis. Sed estas ja sufiĉe da novaj fortoj ĉirkaŭ li, por dejori anstataŭ li. Estis agrable por li trarigardi la tutan grupon: li havis tri fortike virecajn filojn kaj sep nepojn. Ankaŭ la farmo ne restis la lasta el tiuj en la proksimo. Modele oni kulturis ĝin per modernaj laboriloj kaj maŝinoj. Estis ja hodiaŭ alie, ol en la tempo de la avo, kiam du tagojn daŭris por unu homo pioĉi la grundon por terpomo. Tamen tiutempe estis tre bela la vivo kaj ankaŭ al li ne plaĉas ĉiam la multaj novaĵoj.

Mirinda tondro de malproksima neĝlavango interrompis lian revadon. Mire, kio do povas esti tio? En la unua momento li preskaŭ ektimis. Ankoraŭ neniam li aŭdis tian bruon. Nun ankaŭ la aliaj rimarkis ĝin. Unu post la alia ili delasis la laboron, membrostreĉis, aŭskultadis kaj rigardadis en ĉiun direkton. Estis aŭdeble, ke la bruo konstante proksimiĝas, sed de kie do? Fine la malgranda Havarduro, la nepo de la maljuna, rimarkis nigran punkteton super la sudaj montoj. Ĝi similis al birdo kaj ju pli proksime aŭdiĝis la stranga bruo, des pli granda vidiĝis la punkto. Kaj nun Thor-mencis min konduki; estis io simila, kiel la patro instruas iri la etan knabon: la maŝino paŝadis apud mi malrapide, atente; kie la vojo estis pli malglata, tie ĝi levadis siajn radojn, sur loko pli glata ĝi ruliĝis malrapide, singarde. Dume ĝi ofte turnis al mi sian oran metalkapon kaj el la brilaj okuloj al mi fluis blueta lumo, poste ĝi ekkantis kaj nun mi jam sentis certe, ke per ĉi tiuj voĉoj ĝi parolas al mi kaj ke en ĉi tiu lando oni parolas tiamaniere, per muzikaj sonoj, la vortoj kunmetiĝas el muziksonoj. Kompreninte tion, mi klopodis al li komprenigi, ke mi volus lerni ĉi tiun lingvon; montrante al la palaco mi mansignis, ke mi deziras scii, kiel ĝi nomiĝas. Ĝi tuj komprenis, kion mi deziras, ĝi donis kelkajn sonojn: mi, fa, re, kiujn mi tuj ripetis. Videble ĝi ekĝojis kaj nun jam ĝi mem komencis montradi la objektojn, prezentante ĉies nomon, kaj mi ripetis la sonojn. Ĝi montris al si mem kaj kantis: so-la-si. Poste ĝi signis per larĝa gesto la tutan horizonton kaj muzikis jene: fa, re, mi, do, kion mi jam aŭdis, kiam ĝi min portis ĉi tien. Tiam mi eksciis, ke la nomo de la lando estas: Faremido. (Mi petas la leganton, prononci la originalajn vortojn ĉiam nur kante, ĉar nur tiel ili havas sencon.)

Fine ni venis al la aleo, kiun mi jus trairis jam, inter la homformajn arbojn. Mia gvidanto ekstaris apud tia arbo, delikate kaptis min ĉe mia kokso kaj starigis min apud la arbon, poste, iom repaŝinte ĝi levis sian metalbrakon super sian kapon; mi vidis, ke ĝi min observas kaj komparas. Ree min kaptis tiu malagrabla sento: nun estis, kvazaŭ botanikisto komparus du plantojn por konstati la parencecon.

*(Daŭrigota)* El la hungara: *L. Totsche.*

## Epitafo

**— R. L. Stevenson —**

*Sub larĝa stela la ĉiel'*
*Lasu min en tombo-ĉel';*
*Ĝoje mi vivis, ĝoje el*
*La vivo pasis mi nun.*

*Por mi la epitafo jen:*
*Tie kuŝas li sen ĉagren';*
*Venis maristo re al haven',*
*Kaj ĉasinto re de la dun'.*

El la angla: *Brian Price-Heywood.*

oddur, la plej maljuna filo de la mastro, kiu jam estis ankaŭ en fremdaj landoj, eldiris la liberigan vorton:

— Flugmaŝino!

La patro iom konsterniĝis. Ĉu flugmaŝino? Li sciis, kion tio signifas, aŭdis kaj legis jam pri tiuj strangaj ŝipoj, naĝantaj en la aero. Streĉinte la palpebrojn, gape li rigardis, lin kaptis pia emocio, kiel en la preĝejo.

— Kio frapas tiom brue, Havardur? — demandis la maljuna Thoroddina per voĉo, parte minaca, parte malfida. Ŝi starigis sin pene kaj lametis al la aliaj, kiuj ariĝis senvole en grupeton.

— Kio estas, mi volas scii! — ŝi diris kaj kvazaŭ ploro sufokis ŝian gorĝon. Poste tuj ŝi daŭrigis akre:

— Nu ĉu vi ne povas respondi, ĉu ĉiuj vi falis sur la buŝojn?

— Flugmaŝino, avino — diris Thoroddur.

— Kia maŝino? — grumbladis la maljunulino. Ŝi ja aŭdis jam pri maŝinoj, sed ŝi povis imagi nur kudromaŝinon kaj plugmaŝinon. Sed ŝi ankoraŭ neniam aŭdis ke la plugmaŝino faras tian teruran bruon. Tiu abomena krakado embarasis ŝin kaj ŝokis ŝian maljunan cerbon. Kia nova frenezaĵo estas tio? Eble ĝi konsumos eĉ la tutan riĉaĵon de la familio! Ŝi aŭdis kvazaŭ la maŝino siblus ĝuste super ŝia kapo. Ĉu estas eble, ke la »knabo« aĉetis ĝin plej laste, kiam li rajdis al la urbo? La knabo cetere ĉiam rakontis, kion li alportis de la komercistoj, kondiĉe, ke li fakte diris la veron. Jes. Jam delonge ŝi suspektas, ke li ne estas honesta al ŝi, ankaŭ lin koruptis la novaj tempoj, kiel la aliajn.

— Kio tio, Havardur? — ŝi pepis. Nun jam bone oni povis aŭdi la ploreton de la maljuna, rustiĝinta voĉo.

La flugmaŝino nun ĝuste atingis la valon kaj flugis tiom malalte, ke oni povis vidi ĝian formon tute precize.

— Certe ĝi estas la unua flugo de la nove establita pasaĝermaŝino tra Islando — deklaris Thoroddur kaj elkraĉis. La aliaj tiom emociiĝis, ke ili ne kapablis ion krom gapi. Neniu atentis la maljunan Thoroddina, kiu lamentante demandadis, turnante sian vizaĝon al la terura bruo.

La miraklo malaperis malantaŭ la nordaj montoj kaj denove silento kovris la valon. Nur tiam oni komencis klarigi al ŝi la aferon. Unue Thoroddur, ŝia nepo, komencis klarigi, sed ŝi interrompis lin, ĉar estis multe pli infaneca, kion li diris, ol ke maturuloj povu senutile malŝpari sian tempon por lin aŭskulti. Ŝi diris al li tion kaj turnis sin al la filo:

— Kio do estis tio, Havardur? —

— Vidu do patrino, — komencis la filo. Li ne rericevis ankoraŭ sian animan ekvilibron, li sentis, kvazaŭ li revenus de entombigo, tiom solenaj estis la travivitaj momentoj.

— Vidu nur, patrino — li daŭrigis — ĝi estis tia ŝipospeca, kiu povas veli en la aero.

— Tia ŝipo, kiu povas veli en la aero — ripetis la maljunulino malĝoje, sen akcento, dum ŝiaj blindaj okuloj avide volis esplori la malproksimon. Unu solan fojon dum sia tuta vivo ŝi vidis ŝipon kun altaj mastoj, blankaj veloj. Iom poste ŝi aŭdis pri ŝipoj, kiuj movas maŝinoj en tempesto, ventego. Sed ŝipon, kiu povas veli en la aero? Anime ŝi vidis la dumastulon kun streĉitaj veloj. Kaj tiu flugas tra la valo, ĝuste super iliaj kapoj? Kaj kio kaŭzas tiun teruran bruon? Tion ja ĉiu devas rigardi nur intenca trompa mensogo, ĉiu, kies spiritostato restis pli-malpli en ordo!

Ŝi paŝetis en sian kameron, palpiris al sia lito, demetis la vestoĉifonojn. Jes. Nun ŝi ekkuŝos. Kaj ŝi ekkuŝos nun decide. Ŝi rekonas, ke ŝi nenion plu havas por serĉi en tiu ĉi mondo...

Tradukis: *E. W. B.*

## Soneto

**— Platen —**

*Mi volus en la morto, kiel la brila klaro*
*De l' steloj, subitege kaj sen konsci' ekpali,*
*Mi volus sub la frapo de l' morto foje fali,*
*Kiel antikvaj mitoj rakontas pri Pindaro.*

*Ho, mi ja ne deziras en kanto, vivo, faro,*
*Tiun nerivaleblan Grandulon ekrivali,*
*Mi volus, ho amiko, lin nur en mort' egali —*
*Sed aŭdu pri l' rakonto belega sen komparo:*

*Li sidis en teatro kaj kanton li admiris,*
*Kaj sian lacan kapon li metis kun beato*
*Ripoze sur la belan genuon de l' amato.*

*Kaj kiam la kantado de l' ĥor' jam laste spiris,*
*Lin volis milde veki la kara kamarado,*
*Sed la poet' jam glore al Dioj hejmeniris.*

El la germana: *L. Totsche*

## La belo

**— Baudelaire —**

*Ho mortemul', mi belas kiel marmorvizio,*
*Kaj mia sino, kies mortigas frida flamo,*
*Estiĝis por inspiri la poetojn al amo*
*Eterna kaj silenta kiel la materio.*

*Kiel enigma sfinkso en la lazur' mi tronas,*
*Kunigas koron neĝan kun la blankec' de cigno,*
*Linio-rompan movon malamas mia digno,*
*Nek larmo de mi gutas, nek rido de mi sonas.*

*Poetoj, antaŭ mia majesta poz' kvieta,*
*Pruntita de la pleje fieraj monumentoj,*
*Konsumas siajn tagojn en longa stud' asketa,*

*Ĉar havas mi, por ravi amantajn ĉi studentojn,*
*Spegulojn, kiuj faras la aĵojn pure belaj:*
*L' okulojn, miajn grandajn okulojn eternhelajn.*

El la franca: *L. Totsche*

# Horaĉo Serĉer faras revolucion

– I. Lejzerowicz –

Horaĉon Serĉer mi ne vidis jam dum multaj monatoj. Li malaperis kiel ŝtono en la akvo. Mi estis jam grave maltrankvila pro li. Ne miru: Serĉer, kiel vi scias, estas ja impulsiva karaktero, kaj Dio scias, kian aventuron li ie havis kaj kio kun li fariĝis?! Sed fine antaŭ kelkaj tagoj mi trovis lin. Li sidis, kiel kutime, en parko, dronante en siaj profundaj pensoj.

— Kie vi estis, kara Horaĉo, dum tiel longa tempo?

— Prefere ne demandu. Mi ne respondos al vi.

— Kial?

— Mi estis en eksterlando. Kaj eksterlando havas ĉiam ion komunan kun politiko. Kaj pri politiko honestaj esperantistoj ne parolas. Oni min kondamnos ke mi faras »terurpropagandon«.

— Kaj kion vi faris en eksterlando?

— Mi tie studas la metodon, kiel fari revolucion. Vi scias ja, ke mi preparas renverson en nia movado.

— Serĉer, vi ŝercas?

— Ne, mi nur serĉas. Mi serĉas la vojon, kiel fine sanigi nian movadon. Gangreno ĝin konsumas. La internaj malpacoj disŝiras ĝin...

Kaj energie eksaltinte de sia loko, li etendis sian dekstran manon kaj poze, emfaze ekkriis:

— Mi savos nian movadon! Mi sanigos ĝin! Mi faros ordon! Disciplino estas necesa, ĉu vi komprenas? Diktatoron ni bezonas en nia movado! For la enuigan tedan malutilan idealismon! La nuna tempo postulas fortan pugnon! Ni devas fari revolucion!

Mi time paliĝis de tiuj vortoj kaj angore ekrigardis en la okulojn de Serĉer. Ili flame fascinis kaj ŝprucis kolerajn fajrerojn. »Trankviliĝu, kara Horaĉo«, mi diris al li.

— Ni devas frakasi tiun butermolan aferon! — li abrupte interrompis, ni devas fari revolucion!

— Bone! Bone! — mi komencis kvietigi lin — ni faros la revolucion, sed trankviliĝu antaŭe. Tia iritiĝo povas ja tre malutili vin. Sidiĝu kaj klarigu al mi detale, kion vi pensas kaj celas?

Li sidiĝis, forte profunde ekspiris, kaj post kelkmomenta silento li ekparolis.

— Rasa pureco! Rasa ĉasteco! Tio estas la plej alta idealo, tio estas la plej fidinda garantio pri sukceso. Elŝiri la malutilajn urtikojn kaj herbaĉojn, venenantajn nian movadon! La verdeco de nia raso devas esti flegata tutplene. Senkompate forigi ĉiujn, kiuj enportas fremdajn elementojn en nian movadon. Iu enkondukas novan vorton? Enkarcerigi lin! Iu uzas la »io«-sufikson? Elĵeti lin el la movado! Iu batalas por nova, demokratia parlamenta organizo? Mortigi lin, al diablo, kiel hundon mortigi lin! Demokratecon ili volas, parlamentecon ili deziras, tiuj knabaĉoj!? Disciplinon ili tenu, senhontaj arogantoj!

— Kion vi parolas Serĉer? — mi interrompis.

— Ne malhelpu! Vi ankaŭ ne estas purrasa verdulo! Vi infektas aliajn, ni izolos vin, ni enkancerigos vin! Mi scias: vi ĉiam penis detrue influi en nia movado, vi ĉiam ekscitis kontraŭ ordo kaj disciplino! Sed ni trovos rimedon kontraŭ vi. Aŭskultu kian programon mi proponas:

Ano de la Esperanto-movado povas esti ĉiu purrasa eseprantisto. »Purrasa« signifas, ke li deklaras disciplinitan obeon al la ĉefaj instancoj de la movado. Kiu pensas kaj kritikas, ne estas esperantisto, kaj lin ni internigos en speciala tendaro.

Por levi la kulturnivelon de la movado kaj por riĉigi nian »purrasan« literaturon, la ĉefaj instancoj zorgos pri plej konvena legmaterialo, ekz.: poŝtmarkoj de Liĥtenŝtejno, turistaj prospektoj, Ĉefeĉ-ŝlosiloj, Sherer-raportoj k. a.

Pri la Universalaj Kongresoj estas starigitaj la jenaj rajtoj: aĉeti la kongreskarton, viziti la urbon, kanti la himnon, akcepti la raportojn, partopreni la Internacian Balon kaj la komunan fotografadon.

Estas malpermesite al vi: proponi iun ajn ŝanĝon (mia propono), konfesi kiu vi estas kaj paroli pri viaj konvinkoj (propono de Karl Minor en Heroldo), oscedi dum la laborkunsidoj (mia propono) — kaj ĝenerale estas malpermesite fari ion ajn sen antaŭa permeso de la koncerna instanco.

La plej brila programero de la Universalaj Kongresoj devas esti la pompaj aŭtodafeoj de ĉiuj esperanto-libroj, kies enhavo ne plaĉas al ni. Komprenеble antaŭ ĉio pereos en flamoj la libroj de Zamenhof, ĉar li kuraĝis esprimi la supozon, ke eble, eble, post longa tempo Esperanto evoluos ĝis nerekonebleco. Li do ne estis purrasa esperantisto. Imagu, kara amiko, kiel belega spektaklo ĝi estos! Ni metos grandegan brulŝtiparon sur la urba placo, sur la ŝtiparon ni verŝos peĉon, la »purrasaj« verduloj dancos ĉirkaŭ la fajro, kiel indianoj, kaj komenciĝos la ceremonio:

Hans Jacob ĵetos libron en la fajron kaj diros:



Grigorescu *Kamparanino*

## *Pluaj rondeloj*

**— Mevo —**

*Kaj kie nun TOSCHI sin kaŝas?*
*Li estis reganta risorto.*
*Verŝajne tirana perforto*
*detene — ret.en e lin maŝas...*

*Ni timis ke certe minacas*
*italan movadon la morto*
*de kiam — ve! — TOSCHI sin kaŝas,*
*la vera reganta risorto.*

*La verdan rikolton ni draŝas;*
*ĝin daŭre florigis la sorto;*
*sed kurbe, sopire, sen vorto,*
*hezite, dubeme ni paŝas...*
*Ho, kie nun TOSCHI sin kaŝas?*

*MONTEZEMOLO, la Gvidanto,*
*la forta, saĝa Generalo,*
*komandas al ĉiu italo,*
*laboranta por Esperanto.*

*Vetas kun Tempo — konsumanto,*
*kverko hardita kiel ŝtalo,*
*MONTEZEMOLO, la Gvidanto,*
*la fida, bona Generalo.*

*Fiera, brava komandanto*
*de kanontrupoj dum batalo,*
*por nia lingva idealo*
*nun estas Flago kaj Reganto*

*MONTEZEMOLO, la Gvidanto.*

---

mi solene bruligas la raportojn de Robert Kreuz.

Robert Kreuz ĵetos libron en la fajron kaj diros: pereu la raportoj de Hans Jacob. Vivu la verda raso!

Julio Baghy ĵetos pakaĵon da libroj en la fajron kaj patose deklamos: Hajl' al vi, Kalocsay! Hajl' al vi, tempest' al vi, fajr' al vi, Kalocsay!

Kalocsay »sinkigos« kelkajn volumojn en la »incendion« kaj jubilos: Baghy flamas! Fine mi venkis!

Jung faligos en la flamojn sakon da libroj, etendos la manon kaj jubilos: Bleier verrecke! Vivu la verda raso!

Bleier ĵetos kelkajn librojn sur la ŝtiparon kaj krios: Jung brulas! La estonto estas mia!

— Mi pensas, ke estas jam sufiĉe da fajro — mi interrompis — indulgu almenaŭ la tradukitan de mi »Sorĉistinon el Kastilio«, kiu mem estas plena de gehena fajro...

— Ne sufiĉas, ne sufiĉas! — retondris Horaĉo Serĉer, enirinta en la »trancon« — la revolucio devas esti ĝis la lasta detalo efektivigita! Ni devas savi la movadon! Ni devas purigi, refreŝigi ĝin! Venis la tempo por heroaj agoj!...

Senforte li refalis sur la benkon. Liaj okuloj elstariĝis, angora ŝvito kovris lian frunton. Kaj subite li komencis plori kiel infano. »Trankviliĝu — mi diris — tia ekscitiĝo ma'u'ilas vian sanon, gardu vin«.

— Promesu al mi, kara amiko — li plore singultis — ke vi rase puriĝos kaj helpos min fari la revolucion. Ĝi ja estas tiom necesa, benoriĉa por nia movado. Se ni ne ekagos, nia afero pereos. Ordo devas regi, disciplino estas necesega. Ni elŝiros la herbaĉojn, kiuj venenas nian movadon, kun la radikoj. Ni enkarcerigos la opoziciulojn, ni bruligos la librojn. Vidu, tio estas la plej sukcesa metodo en la nuna tempo. La pugnon oni timas. Kial ni ne apliku ĝin?

Ankoraŭ iajn vortojn li balbutis, sed ilin mi ne komprenis jam. Tute elĉerpita de la emocio, kiun ĉiam donas al li la propraj paroloj kaj ideoj, Horaĉo Serĉer forte ekdormis.

Kaj dejorante ĉe li sur la benko, mi pensis: Horaĉo Serĉer volas fari revolucion, gardu vin esperantistoj! Kaj eble li pravas iom: eble utilus ne unu verdulon enkarcerigi, kaj ne unu libron bruligi por purigi nian movadon kaj literaturon de malbonaj herbaĉoj...

---

# LINGVO

PRI LA PREFIKSO MAL.

Sro *Sentis* en siaj lingvaj ediktoj kondamnas la vortojn *malcerta* kaj *malĝusta*, ĉar laŭ li *certa* kaj *ĝusta* ne havas kontraŭojn, oni do devus diri *necerta, neĝusta.* Li kondamnas ankaŭ la vorton *malhavi*, ĉar laŭ li oni povas ion havi aŭ ne havi, sed malhavi oni ne povas. La saman opinion havas ankaŭ sro Th. B. (Laborista Esperantisto 1933. pĝ 94.); laŭ li la vorto *malhavi* estas sensenca, eĉ kontraŭa al la spirito de Esperanto.

Okaze de ĉiuj ĉi opinioj, mi deziras iom pritrakti la funkcion de la prefikso *mal.*

*Mal* signas kontraŭecon. Certe. Sed ĉi tiu kontraŭeco estas duspeca, se oni ĝin esploras laŭ ĝia rilato al la nea formo. Ĉe verboj, ĝi plej ofte ne estas samsignifa al la nea formo, ĉar ĉi lasta signifas simplan *negativecon* (ne-agon), dum la mal-formo signifas *pozitivan* kontraŭecon (malan agon). *Ne utili* signifas fari *nenion* (nek utilon nek malutilon), dum *malutili* signifas *fari* ion (malutilon). Same ĉe *ne laŭdi* kaj *mallaŭdi, ne kovri* kaj *malkovri, ne ŝlosi* kaj *malŝlosi* ktp.

Ĉe adjektivoj, kontraŭe, ambaŭ formoj havas plej ofte signifon tre parencan. *Ne forta* kaj *ma'forta, ne bela* kaj *malbela, ne glata* kaj *malglata, ne agrabla* kaj *malagrabla* diferencas nur per tio, ke la mal-formo estas pli emfaza ol la formo nea; la esenca signifo estas preskaŭ la sama: ambaŭ formoj signas (pli aŭ malpli emfazan) negativecon.

Ĉe kelkaj adjektivoj la diferenco estas pli granda, sed estas interese, ke ĉi okaze la diferencon oni devas klarigi per *verboj.* Tiel estas pri *neutila-malutila;* tiel estas ankaŭ pri *nebona-malbona*, se oni parolas pri homo (nebona homo: ne ema helpi, utili; malbona homo: ema malhelpi, malutili). Sed se oni parolas pri aferoj, la diferenco jam forviŝiĝas *ne bona* esprimo kaj *malbona* esprimo diras preskaŭ li samon.

El ĉi tio sekvas, ke ne valoras la penon multe cerbumi ĉe adjektivo, ĉu ĝi havas kontraŭon aŭ ne: se oni volas pli emfazi la negativecon, oni povas trankvile preni la mal-formon. Tute bonaj vortoj estas do ankaŭ la (zamenhofaj) *malĝusta* kaj *malcerta.*

Nun ni rigardu la vorton *malhavi.* Ĉu *havo* vere ne havas kontraŭon? Jes ja! Ĝia kontraŭo estas la manko, kiun oni sentas, la malpleno, kiu kvazaŭ oscedas en la loko de la nehavata ajo, do: ne nur negativa nehavo, sed pozitiva bezono de la nehavata objekto. *Malhavi* do signifas: havi (konscie) la mankon de io, senti la mankon de io. Do ĝi havas signifon, por kiu oni ne nur *ne havas*, sed ankaŭ *malhavas* esprimon en Esperanto. Oni eĉ eksperimentis (jam antaŭ la milito) per *mankumi*, sed ĉi tiu vorto (verŝajne pro sia neklareco) ne povis enradikiĝi. Male, *malhavi* estis jam plurfoje uzata, plurfoje registrita en vortaroj, ĝin enhavas ankaŭ la vortaro de *Wüster.*

*K. Kalocsay.*

# Pri iu ekirinta serĉi la Veron

— Hans Moder, Praha —

Oni diras: kiam la azeno bone fartas, ĝi iras por danci sur glacio.

Kelkiu homo sentas jukadon sur la dorso, kiam li longe ne havis jam ĉagrenon, kaj iras serĉi aventurojn.

Nun ni aŭdu.

Foje iu eliris por trovi la veran veron. Por kiel eble plej profunda esploro li sin turnis unue al la plej proksima objekto: al sia edzino. Bone. Li ricevis de ŝi vicon da verajoj koncernantaj lin, sed eĉ ne unu vereton, kiu koncernis ŝin.

Ne, tiamaniere li ne atingos la fiksitan celon. Li iris al siaj amikoj. Tie la afero okazis inverse: ili rakontis multajn verajojn pri aliaj konatoj, sed eĉ ne unu vereton pri li.

Kien nun? — li meditadis. Fine li decidis viziti la kuraciston, ĉar tiaspecaj, — kutime filantropaj homoj certe ne fikcias, tiom malpli blufas.

»Mia kara — li aŭdis — se mi dirus veron, mi tuj perdus la tutan fidon de miaj pacientoj. Kaj ĉar la fido de miaj pacientoj je mi estas mia plej potenca helpo, pli potenca ol mia fido je mi mem, mi vere ne riskos ĝin perdi«

Ĉe la advokato, la rezulto estis tute malagrabla: oni lin kaptis post la prezento de la peto kaj en la sekvanta momento li sidis sur la pavimo, pripensante, kien nun?

Ho! — li batis sian frunton — ke mi ne turnis tuj miajn paŝojn al tiu trankvila pordo! Rapide li kuris al la parohestro: tiu estas ja konfidita esti protektanto de l' vero.

»Veron? — tiun ni trovos nur en la ĉielo!« — respondis per oleita voĉo tiu bone nutrita animo, kaj dum li rulis unu okulon al la plafono, per la alia li rigardis la demandinton iom suspekte. Ĉi tiu ekkaptis la klinkon de la trankvila pordo.

»Ne, pri tiu solvo mi dankas. Eble, kiam vi revenos iam de tie, ni priparolos la aferon pli detale.«

En la apuda strato loĝis mondfama filozofo. Tiu, nur tiu cerbumas sendube pri la Vero.

Li frapis sur la pordo. Malagrabla grumblo eksonis interne. Ĉu pri la Vero vi scivolas? Bona Dio! Rigardu ĉirkaŭen: kiom da libroj mi jam skribis dum mia vivo, sed, kvankam mi rompis al mi la kapon preskaŭ ĝis la krevo de mia kranio, la Veron ĝis nun mi ne trovis. Adiaŭ!«

Sekvis konata redaktoro. Tia scias kutime ĉion.

Sur lia sojlo sidis grasa mensogo kun ega buŝego kaj kun dikega ido en la sino kaj grimacis per la tuta vizaĝo, kiam la verserĉanto deklamis sian deziron.

»Vero? Tiu artiklo neniam venis inter miajn fingrojn. Kio ĝi estas? La vorto mankas en mia vortaro.«

Nun en la kapo de nia homo ekfulmis ideo: ekzistas la gazeto nomata »Vereco«. Avide li trafoliumis tutajn jarkolektojn. Nu jes: por ebligi la eldonon de ĉi tiu bedaŭrindaĵo, ĉiu opa veraĵo estas en ĝi vestita per multkoloraj ĉifonoj, por ke en la groteskaj vestoj neniu rekonu la originan virgulinon.

En profunda arbaro vivis ermito, tute flanke de ĉiu moderna vivo. Di-simila saĝulo, kiu neniun devis timi sur la tuta tero, ĉar li sin nutris nur per radikoj kaj akridoj. Li akceptis afable la vagulon jam preskaŭ malesperan.

»Vero? Nu, ĝi, en sia pura formo, ĝis nun neniam estis kulturata en nia mondo. Ĝi aperos eble nur tiam, kiam ĉiuj konferencanoj, ligoj, kunsiduloj, diplomatoj, procentuloj, partioj kaj similaj potencoj estos liveritaj al la eterna juĝo. Ĝi aperus eventuale, se ia superhoma povo kuraĝus ĝin planti en speciale preparitan animon; sed, laŭ mia scio, tio estus tre danĝera eksperimento.

Laca je menso kaj korpo nia verserĉanto hejmeniris, sidiĝis sur la kanapo por pripensi.

Jen, la homoj havas cerbon, el kiu oni povas ellogi ĉiajn miraklojn, escepte de manpleno da pura vero.

Kongresoj, ligoj, kunsidoj, interkonsiladoj sidas, sidas, sidadas, premas la cerbojn kaj la rezulto — la sama. Al kiu nenio venas en la kapon, tiu maltrankvile frotas la sidkarnon tien kaj reen, ĝin streĉas kaj turmentas — vane. Kio estas kulpa? Eble la pozicio? Oni devus fari *kunstarojn*. Tiam eble oni pli taŭge elektus la interkonsilantojn. Ĉar estas klare pruvite, ke la posedantoj de la plej potencaj, plej kunsido-taŭgaj sidkarnoj generas tro maldikajn pensojn. Pri la *piedoj* almenaŭ ne estas ĝis nun evidente pruvita la samo.

Aŭ, ĉu tiu estis prava, kiu diris, ke la homaro sidu sur sia cerbo? Eble tiu renversita stato estus la stato ĝusta, kaj la nuna stato, ŝajne ĝusta, estas renversita ridinde kaj mizere?

## Ĉa rabitaj kisoj

*»Maria«, diris la patrin',*
*»Jen, vere, io bela!*
*Vi lasis, ke vin kisu vir'*
*Kaj eĉ, dum tago hela!*

*Se brava resti volas vi,*
*Ne decas tio, vere!*
*Ne p'u okazu tia hont',*
*Mi diras plej severe!«*

*»Ej, panjo,« diris la knabin',*
*»Riproĉojn kial fari?*
*Mi volus scii, kiel mi*
*Ja povis kontraŭstari!«*

*Portante du sitelojn mi*
*Tra nia korto iris,*
*Jörg venis, ne tro petis min,*
*Sed simple al si tiris.*

*Kaj kaptis min sub la menton',*
*Kaj kisis min rabiste.*
*Pro l' du siteloj devis mi*
*Toleri senreziste.«*

*»Toleri!« kriis la patrin'*
*»Ho, ne pretekstu vane!*
*Vi povis jeti ilin for*
*Kaj vin defendi mane!«*

*Kaj diras nun Maria, dum*
*Kapkline ŝi hontemas:*
*Pri ĉio pensi ne eble ja,*
*Kiam pri kisoj temas.«*

El la germana: *K. Kalocsay*



# OBSERVO

## MARIONETLUDOJ EN JAPANUJO

La origino de la marionetludoj perdiĝas en la genezo de l' homa kulturo. Same kiel popolkantoj, pupludoj estas pramalnovaj. Ju pli longa estas la kulturhistorio de iu nacio, despli artaj estas ĝiaj popolkantoj — — kaj ankaŭ marionetludoj. En Japanujo, post trimiljara kulturevoluado, popolkantoj kaj marionetludoj ambaŭ atingis respektindan altecon de arta nivelo.

La pritaksado de ĉiu alte evoluinta arto estas malfacila kaj postulas iniciaton. Ju pli komplika estas iu arto, despli longa devas esti la prepara studo por ke oni ĝin povu ĝui. La kompreno de japanaj marionetludoj postulas do kiel eble plej bonan konon de la speciale japana aero kaj ankaŭ senkondiĉan akcepton de la *konvencioj de marioneta teatro*. Kiam la vizitanta okcidentano iras por la unua fojo al Bunraku-za, tiu mondfama marioneta teatro en Osaka, li subite troviĝas en nova, nekonata kaj mistere bela mondo, kies altan arton li nur povas konjekti per intuicio, sed ne ankoraŭ kompreni per logiko pro la nekutimeco de la scenmetado kaj stranga prezentmaniero. Ju pli li penetros en la konvenciojn de tiu ĉi speciala arto, despli li fariĝos ĝia pasia adoranto kaj iom post iom la spirito de japana arto eniros lian animon ... samkiel la muziko de Beethoven fine konkeras la koron de persistema japano.

»Ningjo-Ŝibai« (Pup-teatro)! Estis tempo, kiam vi regis sur la japana scenejo kiel absoluta monarko. La plej granda dramverkisto en la japana literaturo, la granda Ĉikamacu Monzaejon skribis siajn senmortajn teatraĵojn ekskluzive por pupoj. Tuta konstelacio de grandaj verkistoj pacience ellaboradis la repertuaron de la Kabuki-teatro, hodiaŭ ludata de homaj aktoroj, sed tiutempe de senanimaj marionetoj. Senanimaj! Ne, pli animaj ili estis ol homoj povas iam aspiri, dank' al la krea genio de lertaj »*nevidebluloj*«.

Kio estas nevideblulo? Generale ĉiu persono, kiu aranĝas la scenejon, vestita en konvencie nigra mantelo kaj maskita per kapuĉo, kaj kiu dum la ludo, antaŭ la okuloj de la rigardantaro — estas konsiderata kiel nevidata. La komencanto estas ĝenata de ilia ofta apero — sed iom post iom lia atento koncentriĝos al la marionetoj, al la progreso de la drama intrigo — kaj perdas el la konscio la nigrajn siluetojn de la »nevidebluloj«. Ĉiu marioneto estas funkciigata de tri specialistoj: la ĉefo zorgas pri la kapo kaj la dekstraj mano kaj brako, lia helpanto direktas la movojn de la maldekstraj mano kaj brako kaj lernanto, ĝenerale knabo direktas la gambojn kaj piedojn. Tiuj tri pup-direktoroj(!) estas vestitaj nigre ĉe klasikaj historiaj dramoj, ĉe pli modernaj teatraĵoj ili forlasas eĉ tiun eksteran signon de nevidebleco — sen ia ĝeno al la publiko. En la antikvaj tempoj la pupdirektantoj estis kaŝitaj sub la estrado aŭ malantaŭ ĝi, simile al la primitiva pupteatro en Eŭropo — nur en pli alta fazo de evoluo ili aperis sur la scenejo en konvencia, nigra vesto kaj finfine, en la moderna marionetludo ili forjetis la lastan restaĵon de singardemo kaj aperas en ordinara, ceremonia kimono.

Senutile estas akcenti la gravecon de tiuj direktantoj. De ilia talento, de ilia preciza kunagado dependas la sukceso de la reprezentado. Per longa kaj pacienca laboro ili vere atingas mirindan lertecon pri la manipulado de l' marionetoj.

Sed eble la plej grava persono en la reprezentado estas la *bardo*. Li kantas kaj parolas la tekstojn de la prezentado, imitas la voĉojn de la personoj simbole reprezentataj per la pupoj, akompanas sian kanton per muziko de »ŝamisen«, kiu estas japana gitaro. Ofte kantistaro kaj muzikistaro ankaŭ kunlaboras. Ĉar la reprezentado estas tre longa — tri kaj kvarfoje pli longa ol en Eŭropo — oni kelkfoje sanĝas la bardon. Li sidas sur rotacia platformo, la anstataŭanto aperas do sen ĝeno kaj la reprezentado povas daŭri sen la plej malgranda interrompo. La bardo sidas »sur la kalkanumoj«, laŭ japana ceremonia maniero, en festa kimono kaj estas tre impresa, laŭ la normoj de japana propra atmosfero.

La leganto povas nun plastike inagi la scenejon de klasika marionetludo: la pupoj en fiksa pozo, subtenataj de pro tri direktantoj, la bardo genusidanta ĉe la flanko, apud li akompanista muzikisto kun trikorda »ŝamisen«. La rigardantoj fikse kaj streĉe atentantaj, en multaj okuloj aperas larmoj. La tuta giganta teatro posedata de unu potenca spirito, tiu de la heroa japana mezepoko ... Tiuj senzorge ridemaj knabinoj, kiujn mi vidis dum la paŭzo manĝi »o' suŝi« (honorinda rizaĵo kun fiŝo!), ankaŭ ili surmetis maskon de tragedia esprimo, kvazaŭ la tuta monddoloro de generacioj aperus sur iliaj taŭzitaj trajtoj. Marionetoj!

Sed la vorto »marioneto« ne taŭgas por japana »ningjo«. Ĝi tiom malsimilas de la mallerta, peza kaj nedecidema pulĉinelo de la Okcidento. Dum mil kaj unu feaj reprezentadoj, la japana »ningjo« akiris tian precizecon de la gesto, tian esprimpovon — jes, ja spite al la neevitebla rigideco de la trajtoj — ke la plej grandaj aktoroj vivantaj povus envii ilin. En Eŭropo ankoraŭ oni ĝenerale kredas, ke marionetludo estas por la infanoj. Ĉiu degeneriĝinta arto fariĝas amuzaĵo por infanoj — samkiel degeneriĝintaj vortoj fariĝas kalumnioj ... Nur en Lyon ekzistas pupteatro — eŭrope fama — kiu subtenas la tradiciojn de marionetludo en la ĝusta senco. Sed en Japanujo ekzistas nur unu pupteatro, tiu arta skolo, kiu evoluis dum centjaroj al alteco komparebla nur al Fuĝijama. Oni ankaŭ ne devas imagi, ke »ningjo« estas simila al la eŭropa pulĉinelo. Ĝi estas preskaŭ tiel granda, kiel la persono, kiun ĝi reprezentas.

La unua balado por marionetludo, kiun oni konas, estas nomata Sinjorino Joruri. Joŝicune, heroo de multaj legendoj japanaj, venas al la domo de Joruri kaj restadas en ĝi kiel gasto de la mastro, patro de Joruri. La gejunuloj enamiĝas. Ĉar la kavaliro devas foriri al milito, lia amatino sentas sin tiom forlasita, ke ŝi mortigas sin en rivero. Dum pluraj jarcentoj la popolo kantis pri tiu ĉi malĝoja tragedio, kiam fine ĝia muziko estis adaptita

---

Tiel meditadis sur sia mola sofo nia verserĉanto, ĝis fine li ekdormis. Kaj tiam, en sonĝo, li trovis la delonge serĉitan Veron.

Li vekiĝis, frotis la dormon el siaj okuloj, kaj, kun heroa decido, li ekiris — anonci la Veron.

Vespere li revenis kun blua dorso, animo dolora de insultoj, vizaĝo gratita de ungoj.

Ĉu li anoncis la Veron? Nu, li volis, sed oni ne lasis. Komence li povis diri kelkajn vortojn, sed baldaŭ oni rekonis, kia danĝera homo li estas. Kaj oni sufokis lian parolon. Kiel oni sufokis, tion li sentis ankoraŭ sur la haŭto.

Kaj tiam li decidis, ke li lasos la homaron tia, kia ĝi estas. Li ne estis heroo, li preferis la pacon al la vero. La azeno falis sur la glacio.

Sed tio ne estis tiel facila. Ne vane oni diras, ke la vero fiodoras. Oni ekflaris, ke li scias la veron. Kaj li devis ege multe uzi la parfumon de la mensogo, por kaŝi tiun fiodoron.

Por konsoli la kompatemajn legantojn, mi diras, ke fine li tamen sukcesis. Lin reakceptis la societo.

Nur unufoje li ankoraŭ refalis. Senkonscie kaj senpripense li foje diris la veron pri la edzino al la edzino mem. Ĝin li eldiris ĉi-foje plene kaj komplete. Ĉi tio estis lia sola plene eldirita vero. La rezulto estis argila poto frakasita sur lia kalva kranio.

# MIA ANGULO

## — JULIO BAGHY —

DUOBLA JUBILEO

*Hodiaŭ, kiam la kvardekjarulo sentas sin maljunulo kaj la dudekjara generacio nomas sin celperdinto, nun, kiam la politiko plenpeze subpremas la kulturon kaj ĝi mem erarvagadas en sia proprefarita labirinto, kiam konferencoj fiaskas kaj fiaskoj kreas novan situacion kaj nun, kiam la pesimista oportuna principo »naĝi laŭ la fluo« jam fariĝis preskaŭ morala devo kaj la fatalismo enradikiĝas kiel moda religio, vere estas malfacile resti optimisto kaj esperi eliron el la ĥaoso. La nebulo de la diversaj interesoj kaŝas la horizonton kaj la perspektivo malvastiĝas, aŭ kelkfoje eĉ perdiĝas. Oriente abunde fluas la homa sango, okcidente la mizero banas sin en larmoj kaj la tuta mondo veadas, baraktas, ŝiras sin mem kaj ni... ni, esperantistoj, fanatikuloj de pli bela estonteco, jubileas, haltas por spirmomento ĉe la atingita mejloŝtono kaj rerigardas al la irita vojo.*

*UEA festas la 25-an datrevenon de sia fondiĝo kaj okazos la 25-a Universala Kongreso de Esperanto. Duobla jubileo en la mezo de la ĥaoso. Tio ĉi povas ŝajni tragikomedia por multaj laciĝintoj kaj por tiuj, kiuj senbatale dezirus atingi venkon. Mi ne riproĉas ilin. Trasuferitaj horoj instruis min por kompreni la unuajn kaj batalvundoj igas min indulgi la lastajn. Ĝuste tiu ĉi duobla jubileo hardas mian fidon en la mezo de la ĥaoso. Ili estas du modestaj meĉlumoj en la nokto kaj ĉirkaŭ ili maldormas vigle la gardantoj de noblaj promesoj. Tiuj du meĉlumoj briletas por miloj da sennomaj batalantoj kaj mi neniam estis tiel forte konvinkita kiel nun en la kriza momento, ke nia afero marŝas antaŭen por utilo de la tuta homaro. Tiun ĉi fortan kredon ne povos malpliigi la moderaj sukcesoj de la jubileoj, festalaj inter premaj cirkonstancoj. Mi ne juĝos laŭ la ŝajno. Ĉiutage pli kaj pli firmiĝas en mi la kredo, ke nia venko proksimiĝas.*

*La anemia mondpercepto de maljuneco, la sklava humilo antaŭ malutilaj tradicioj, la respekto al glorigitaj malbonoj ŝpinis la retaron de la ĥaoso, sed laŭ la historia instruo oni ne povas subpremi definitive la erupcion de la freŝa spirito de la junularo. La nuno estas agoniado de la kadukiĝinta spirito kaj baldaŭ,* tre baldaŭ, *disvolviĝos la juna freŝo de tiu generacio, kiu nun katenite baraktas. Tiu ĉi junularo savos la mondon, solvos la krizon, ĉesigos la ĥaoson kaj kreos tiun novan atmosferon, en kiu pompan vivon havos la nun paliĝantaj sopirfloroj. Jes, baldaŭ, tre baldaŭ!*

*Ne ridetu pri mia optimismo! Aŭ, ridetu, se tiel plaĉas al vi! Egale por mi. Mi memoras pri tio, ke kelkaj el miaj amikoj nomis mian romanon HURA! tro fantazia satiro kaj ili neniel povis prezenti ties scenojn ankaŭ realigeblaj. Bedaŭrinde, hodiaŭ jam multaj konfesas, ke mia satiro fariĝis aktuala kaj reala teruro. Dum ĝia verkado mi estis inspirita de antaŭsignoj de tiu mondrenversiĝo, en kiu ni ankoraŭ falos pli malsupren, sed depost semajnoj inspiras min la antaŭsignoj de* sana *spirito, kiu per sia juna idealismo energie reordigos ĉion. Egale, de kie ekiras la resaniga fluo. Ĝi erupcios. La 50-jara jubileo de* Esperanto *jam trovos pli da kompreno en la mondo. Nia devo estas tre simple konceptebla: persiste labori ne nur por la kvanto, sed ankaŭ por la kvalito.*

*Okaze de la nunjara duobla jubileo respektplene mi riverencas antaŭ la memoro de niaj pioniroj kaj de niaj unuaj verkistoj, kies heroa laboro faris el bela utopio vivantan realecon. Estus ne nur dece, sed ankaŭ inspiropove, se* unu *el la* oficialaj kunsidoj *de la Jubilea Kongreso estus dediĉata al ilia memoro. Mi ne scias, ĉu L. M. partoprenos per speciala aranĝaĵo en la jubileo? Se jes, mi esperas, ke ĝi ne forgesos pri ili.*

---

al la »ŝamisen«. De tiu tempo ĉiu balado laŭ la sama stilo estis nomata »joruri«. En alia skolo oni kantas pri herooj, lojaleco al feŭdala ĉefo (daimo), memofero por granda afero kaj estimo al gepatroj. Ĉar tiuj ĉi ideo-kompleksoj estas psikologie fundamentaj ĉe japanoj, oni povas konjekti, kian grandan emocion en la rigardantoj elvokas tiuj marionetoj, tiel senvivaj por la »barbara« fremdulo.

Kurioza fakto pri la marionetoj estas, ke iliaj piedoj estas ekipitaj per longaj, lignaj stilzoj, kiuj ebligas al ili altiĝi al homa grandeco ĉe la kulminaj momentoj. La piedo estas fiksita sur tiuj stilzoj same kiel piedo sur »geta« aŭ japana lignoŝuo (per fadeno inter la dikfingro kaj ceteraj piedfingroj). Ĉar la grandaj marionetoj estas sufiĉe pezaj, speciale kiam ili reprezentas kavaliron kun kiraso kaj armiloj, tiuj longaj stilzoj estas granda ĝeno por la direktistoj, precipe dum rapida agado.

La okuloj de la marionetoj estas moveblaj supren, malsupren kaj vertikale en ambaŭ direktoj. Ili povas levi la brovojn, por signo de surprizo kaj kolero. La buŝo povas malfermiĝi kaj fermiĝi. La manoj estas flekseblaj kaj permesas senfinan varion de gestoj. La gamboj kaj piedoj ŝajnas esti kontraŭe mallertaj, kvazaŭ la perfekteco de la supra parto igus perfektecon nenecesa malsupre. Kelkfoje oni havas la impreson, ke la pupoj marŝas ŝvebante en la spaco. Sed kiam ili sidiĝas laŭ la karakteriza japana maniero, ili estas nesupereble fidelaj al la vivo.

Kulturitaj rigardantoj tuj rekonas la diversajn marionetojn sur la scenejo — ne nur pro familiareco al la teatrajoj — sed juĝante pri la vestaĵoj, kiuj indikas la rangon, aĝon kaj okupon de la personoj. La vizaĝoj apartenantaj al famaj »ningjo« estas neimiteblaj trezoroj, kiujn oni gardas de centjaroj kun ĵaluza zorgemo. Brakojn oni ofte ŝanĝas, sed la kapoj restas ĉiam la samaj. Neniu artisto kapablas reprodukti ilian simplan sed tiel esprimpovan mienon. Ĉiuj varioj de la homa karaktero estas do esprimataj per lerta kombinado de gestoj, pozicioj kaj pantomimo, dank' al la arto de la direktantoj. Estis tempo, kiam la veraj aktoroj studis la movmanieron de la pupoj kaj ilia idealo estis perfekte imiti ilin. Sed ĉar la vizaĝo de marionetoj estas preskaŭ senmova, la gestoj devas kompensi la mankon de la esprimpovo surtrajta. Tamen, eĉ en nia tempo, famaj aktoroj, kiuj ludas en historiaj dramoj, ofte estas vidataj en marioneta teatro — kie ili rigardas sin mem, kiel la publiko rigardas ilin.

En nia mondo de banalaj radio, kino kaj ĵazo estas bone refreŝigi la spiriton vizitante marionetan teatron en la pitoreska Japanujo... *Jozefo Major.*

STATUO DE PIERRE LOTI SUR LA INSULO TAHITI. Apenaŭ videbla eta »punkto« estas sur la surfaco de l' tero la insulo Tahiti. Ne multe pli ol 10.000 homoj vivas sur tiu ĉi koralinsulo, el ili 3000 aŭ 4000 en la urbo *Papeete*, kie oni nun inaŭguras la statuon de *Pierre Loti*. — Tamen, tiu ĉi pigmea insulo de la senfina »Silenta Oceano« — *vivas en la publika scio*. Konata nomo estas la *Vaihirsa*, la sola lago sur la insulo Tahiti. Rivero ne estas sur ĝi. Sed inter la montaj riveretoj la Papene ofte ŝajnas granda rivero. — Unuavice estas la merito de la romantika vivo kaj dekora arto de *Gauguin*, ke la eta Tahiti-insulo ricevis vastan lokon en la publika scio. Sed estas ankaŭ vere, ke la merito de la malkovro, nome la literatura malkovro apartenas al la plumo de Pierre Loti. Sed Pierre Loti ja malkovris tiom da aliaj lokoj. Kaj ĝuste ĉe la malkovro de Tahiti ne havis veran trabatan forton la plumo de Pierre Loti. — Tahiti ja estas tamen — la insulo de Gauguin. La instinkte kaj intence primitivaj bildoj, la instinkte kaj intence primitivaj skribaĵoj de Gauguin faris tramonde interesa ĉi tiun malgrandan pecon da tero. (Kaj poste tiu grandioza romano, kiun verkis *Somerset Maugham* kun malvarma sobro, rigida objektiveco pri la dua, grandioza parto de la vivo de Gaugin). — Borsoagento subite turnas dorson al Parizo, al negoco, al la familio: kaj ekiras — al la

insulo Tahiti por pentri... Pentri tute aliajn bildojn, ol kiajn ĝis tiam oni pentris. Ankaŭ la mankhavo de la teknika scio akcelis, ke Gauguin atingis tute individuan stilon. La perspektivo preskaŭ tute mankas sur liaj bildoj. Generale li havas malmultan senton pri la plastiko, pri la tria dimensio. Li vidas en surfacoj. Ankaŭ el liaj koloroj mankas la transiroj, la nuancoj. Senrompe, krude interpuŝiĝas la kolormakuloj... — Sed kie jam la moko, kiu komence akceptis la bildojn de la »cerbmalsana« borsagento? — Nun oni jam klare vidas: *la pentrista stilo de Gauguin estas necesa evolu-historia ĉapitro sur la vojo de l' arto.* Kvankam tiu ĉi maniulo forŝiriĝis de ĉio, de ĉiu. Li atakis la tradicion. Li ne zorgis pri la samtempuloj, nur sekvis rigide — siajn inkubsonĝojn. — Ne vane diras la *Korano: anticipe estas fiksitaj la trairitaj vojoj, la atingitaj celoj*... Nura memtrompo, se la migranto kredas, ke li mem elektis la celon, li mem elektis la vojon. Sur la Tahiti-insulo Gauguin ne plu zorgis pri tio, ke ekzistas urbo, kies nomo estas Parizo. Li opiniis: ke en ĉio li plene sukcesis forŝiriĝi de la Pariza kulturo, de la Parizaj memoroj. Sed propre tamen la pentron de Parizo li portis antaŭen per nova evolua stacio. Kiom ajn malpli li estis profesia pentristo. Kiom ajn amare li turnis dorson al Parizo. — Sed ne Gauguin ricevas statuon en la urbo Papeete. *Kvankam* Gaugin ekloĝis sur la insulo Tahiti, dum Pierre Loti nur ekskursis tien. (Ne parolante pri tio: kiom pli elementaj artofortoj disradias el la bildoj de Gauguin, ol el la mildaj, bele gladitaj romanoj de Loti.) — La statuon tamen meritas Loti. Ĉar li estis vera verkisto. Subtilaj okuloj, polurita gusto, riĉa, multkolora vortaro. Kaj kiel mallaŭte li sciis paroli ... — Liaj grandaj sukcesoj jam iom velkis. Ne hieraŭ venis unue la demando: ĉu la »*Papilifraŭlino*« estas japana knabino, aŭ nur sentimentala, malproksime erarvaganta pariza *midinette*? Kaj similaj »difektoj« estas pri liaj ceteraj famaj libroj. Pri tiuj libroj, en kiuj li malkovris »novajn mondojn« por la franca leganta publiko. Tiujn ĉi novajn mondojn, tiujn ĉi ekzotikajn regionojn vere propraokule vidis Loti, la ŝip-oficiro, kiu ne povis disiĝi de sia milita ŝipo, eĉ kiam li jam fariĝis per siaj libroj fama, riĉa homo. Sed vane trajovaĝis plurfoje la mondon Pierre Loti: ĉie li ekvidis nur la scenejan dekoracion. La novecajn kolorojn, la nekutimajn liniojn, la pitoreskajn eksteraĵojn. Neniam li vidis tion, kio vere disigas la Orienton kaj la Okcidenton. Neniam li vidis tion, kio, malgraŭ la profunda fendego, kunligas tamen Orienton kaj Okcidenton. Unuvorte: la kolorriĉaj libroj de Pierre Loti iom senkoloriĝis. Reciproke: *koloriĝis liaj grizaj* libroj. Kiuj parolas simple pri bretonaj fiŝkaptistoj, aŭ pri la vivo de Normandia vilaĝo. Kaj ĉefe »*Mia frato Yves*« vivos longe. Kvankam tiu ĉi Yves estas franca kamparanjunulo. Kaj ne turka haremanino. Nek japana *samurai*.

En la artospeco de la »kolonia romano« oni treege superis la pioniradon de Pierre Loti ankaŭ en Francujo. Kaj ankoraŭ plie oni superis — ĉi tiun *modestan komencon* en Anglujo. Ĉefe eble *Somerset Maugham*. Inter pluraj aliaj per la *Gauguin*-romano. Li ne vane estis longe kuracisto, eĉ tre bona kuracisto en la mondo de l' kolonioj: ankaŭ en siaj romanoj li nudigas tiujn strangajn, superfluajn skarabojn de Dio, kiuj portas la nomon: *homo*. Li metas la stetoskopon sur la nudan haŭton kaj tiel li elaŭskultas la baton de l' koro... Anstataŭ la multkolora sonĝomondo de l' kimonoj, turbanoj, ĉi tie estas -vera vivo. La ĉiam alia, la ĉiam sama vera vivo. — Senindulga, malvarma verkisto estas Maugham. Aŭ almenaŭ li skribas per glacimalvarmigita plumo ankaŭ sub la tropika suno. Sed kiel belega estas la ekiro de la *Moon and Sixpence:* la stranga adiaŭo de sia familio de la borsoagento. Kaj kiel grandioza estas la fino: la vera, la granda apoteozo. Sen ia solena vorto, sen ia solena turno... La »*Moon and Sixpence*« kelkloke libere, arbitre devias de la »aŭtentikaj« faktoj. Tamen kun la plej ĉefa aŭtentikeco ĝi desegnas kaj klarigas la problemon de la vivo kaj peniko de Gauguin. Tiun ĉi tre komplikan, aŭ tre simplan problemon. — La statuon de Pierre Loti estus multe pli ĝuste starigi en la naskovilaĝo de Yves-frato. Aŭ ie sur la bretona bordo.

Pierre Loti, laŭ sia koro, estis vera pasaĝero. Sed ĉien li kunportis la memoron de Parizo kaj de la franca vilaĝo. Tra Parizo, tra franca kamparano li vidis la svarmon de *Joshiwara,* aŭ la vivon de *Ayizodé* ... Sed la vojaĝo tra foraj akvoj, tra foraj regionoj estis por li vivbezono. — Ankaŭ tiam li vojaĝis, ie proksime al Suda Ĉinujo, kiam la membroj de la franca Akademio decidis pri lia senmorteco. En sia seĝokupa parolo rakontis ĉarme, modeste Loti: en la haveno malgranda vaporbarko rapidis antaŭ la mi itŝipon. Ĝia ferdeko estis tegita tute per blua papero. *Petit bleu:* la telegramojn la franca poŝto ekspedis sur blua papero. Laŭorde oni ne kutimis porti la poŝton antaŭ la ŝipojn... Kiam Loti ekvidis la vaporbarkon plenan de telegramoj, kiu rapidis antaŭ la militŝipon: li jam sciis, pri kio temas. La gratulajn telegramojn sendis antaŭ la novan senmortulon la estro de la haveno... *K. B.*

(X.) JARL HEMMER: LA GEHENO. El la senfekunda Nordo, kiu estas tiel neelĉerpeble riĉa en spiritaj produktoj, rec sin anoncas nomo, hodiaŭ ankoraŭ ne multe konata, sed morgaŭ jam festata en la tuta kulturmondo. Pasintjare Jarl Hemmer en la granda romankonkurso gajnis la unuan premion per sia verko »Geheno« kaj hodiaŭ la romano jam aperis germane, finne, norvege kaj dane, kaj tre baldaŭ elvenos ankaŭ la holanda, kroata kaj angla tradukoj. La aŭtoro naskiĝis en Finnlando, sed verkas svedlingve; estas kvardek-jara, travojaĝis Eŭropon, estis instruisto, redaktoro; fine li albordiĝis en la libera rodo de l' literaturo kaj per sia laŭrita romano li feliĉe eniris en la vivantan fluon de la mondliteraturo. La »Geheno« estas tre malĝoja kaj tamen eksterordinare edifa verko de granda intelekto kaj granda koro. Kiel malĝoja kaj edifa estas ankaŭ la »Raskolnikov«. La heroo estas Johan Samuel Strang, lutherana pastro, tempesttemperamenta, kirlo-viva homo, kies juneco pasis en ĉia imagebla malpuraĵo, en la rubaĵo de l' antaŭurbo, en la societo de l' vulgaraj homoj; kaj konateco kun servistino lin portas ankaŭ en karceron. En la karcero la mizera kulpulo, la falinta pastro trafalas en revolucia animŝanĝiĝo, li puriĝas, trovas sian Dion tiom longe vane serĉatan... Li surprenas servon en kaptit-armeo, kie mizeraj viktimoj atendas sian malĝojan sorton. Kaj, kvankam tiuj ĉi mizeruloj murdis senindulge ankaŭ lian propran fraton, la pastro vidas nun jam nur la homon en ili, laŭ sia eblo li klopodas plifaciligi ilian sorton kaj fine memvole li iras en la morton, por savi per tio la vivon de unu el la plej grandaj kulpuloj... La »Geheno« estas propre tiu ĉi kaptit-armeo. Sed en la ideomondo de l' poeto, moralisto kaj filozofo vastiĝas tiu ĉi geheno: la tuta mondo estas geheno; la homa vivo estas nura kulpo kaj nura damniĝo; la filoj de Dio mordas kaj murdas unu la alian. Al la ĉielo fetoras la hekatombo de l' kadavroj, kiun levis la mondmilito »*ad maioram Dei gloriam*«. Vidinte ĉi tiun teruraĵon, rompiĝas la kredo de l' kredanto; la Di-kreda animo perdas sian Dion; la fortulo falas malforte kaj neniiĝas. Sed la malfortulo leviĝas, puriĝas kaj el la ĥaoso de l' perdiĝinta mondo li vidas malvolviĝi la *Kosmon,* la supran mondordon kaj solvas la kaŝitajn tendencojn. — En la karcero Johan Samuel Strong, kiu nun jam uzis la nomon *Bro,* por ne hontigi sian honestan familion, havas ankoraŭ tute individuaĺistajn principojn. »Mi suferas, mia dekstra kaj maldekstra najbaro suferas kaj la tuta longa vico. Sed ĉiu el ili suferas pro si mem. Oni ne povas diri, ke la tuta karcero suferas, ne ekzistas tia amasestaĵo, kiu havus unusolan korpon kaj unusolan animon. Ne ekzistas amasviro kaj ne ekzistas amasmorto... Kiomfoje du okuloj estingiĝas: ĉesas la tuta ekzisto: arbaroj, lagoj, urboj, la firmamento...« Longa tempo necesas por la kulpa pastro, ke li rekonu la kunan vivon, la kunan suferon de la granda kolektiveco. Ankaŭ tiu decidiĝo, ke li fariĝos pastro, koncipiĝis en kulpo. Li ja ne kredis; ne akceptis la dogmojn; havis konstantan batalon ne nur kun siaj

superuloj, sed ankaŭ kun Dio mem. Jen lia opinio pri la scienco, kiun li elektis por si profesio: »ĝia kerno estas kelkaj ŝtonduraj, maljuniĝintaj dogmoj, ĝin ĉirkaŭas moviĝema, mola pasto kiun la moderna esploro ofte ŝanĝas.« Kriston li ne neis; sed en Li la plej mirigan ekfloron kaj plenumiĝon de homo li admiris kaj amis. — Pastro *Bro* havas infanaĝan amikon, *Hastig*, ankaŭ pastron, kiu havas ĝuste malan naturon. Forta, konscia, kredulo sen duboj, konsekvenca preskaŭ ĝis dezerteco kaj persistema sur la landvojo pavimita per la akra gruzo de l' devoj. De junaĝo ili batalas unu kun la alia, pro tio ili estas tiel sindonaj unu al la alia. En la kaptitarmeo ili ree renkontiĝas, ili duope aranĝas la pastran laboron. Amara laboro! La kaptitoj ma'ŝatas la pastrojn kaj fierege refutas ĉian animan konsolon. *Hastig*, la fortulo, rompiĝas en tiu ĉi abomena servo. — Inter la tag-post-tage ripetiĝantaj terurajoj de l' Geheno trudiĝas la plej peza problemo en la animo de la du pastroj, kiu jam ma'esperigis kaj preskaŭ frenezigis tiom da filozofoj, teologoj kaj poetoj. Kial ne inokulis Dio en ĉiun homon la saman opinion pri justo kaj maljusto? La arbaron trakuras maldika sulko: landolimo. Ambaŭflanke la samaj abioj, la vento senbare blovas super ĝi, la sovaĝbestoj senzorge trairas ĝin; tamen, kio estas ĉi tie bona, transflanke tio estas malbona. Ĉu estas eble, ke ankaŭ la Malbono devenas de Dio, fonto de ĉiu boneco? Hastig perdas sian kredon, kaj en terura plendo li elverŝas sian senreviĝon: »En la nomo de ĉiu indulgo mi vin akuzas, Dio, el la profundo de tiu ĉi tera infero! Kiel vi toleras ĉion ĉi tion, senfina Boneco? Vi sendis nin en la valon de l' lamentoj, sed anticipe vi ankaŭ damnis nin. Vi pesis nian bonvolon, sed vi sciis, ke ĝi estas malforta por lukti kontraŭ la Malico. Respondu por tio, kion vi agis, se vi scias!« Li, la kredulo, unue fariĝis dubanto, poste neanto. Kaj Bro iras ĝuste la malan vojon. Li neis, dubis kaj nun kredas. Nur tiu ĉi kredo faras lin kapabla por la memvola martireco. Hastig fine fuĝas. Kaj Bro sin miksas inter la kaptitojn, partoprenas en iliaj suferoj kaj mortas anstataŭ tiu kaptito, kiu murdis lian fraton. Ĉar la sufero estas terura nur por tiu, kiu finrigardas ĝin. Kiu estas *en* ĝi, por tiu ĝi jam ne estas tiom neeltenebla.

Jarl Hemmer estas majstro de la rakonto kaj same de la paroligo. Preta dramverkisto, ĉu mi rigardu la internajn konfliktojn de liaj herooj, ĉu la ravan viglecon de liaj dialogoj. Sed plej mirinda li estas en la *priskribo*. Kiel li rakontas la rifuĝon de l' fiŝkaptistoj sur la naĝantaj glaciopecoj de la fjordo: tiel nur la plejgranduloj scias pentri. Kiu komencas legi la romanon, tiu ne liberiĝas de ĝia sorĉo. Fine ni eble sentas inkuban premon: ni vidis tro multe da homa malnobleco kaj malico. Sed kio restas memore el niaj impresoj, tio estas tamen la sento de leviĝo kaj puriĝo. Kaj danko, ke ni povis ekkoni novan eminentulon de la homa kreanta spirito.

(X.) B. TRAVEN: LA MORTOŜIPO. Cent milojn atingas la ekzempleroj de la *Traven*-libroj. La sarkasme vivogustaj, krudfortaj verkoj de tiu ĉi nova *Jack London* disvastiĝis en la tuta mondo. Lia unua libro, la »Mortoŝipo«, parolas pri ŝipisto, kiu perdis siajn legitimaciojn kaj pro tio nenie li povas akiri laboron. Ĉiu ŝtato transdonas lin al alia, senĉese. Tiel li baraktas tra la tuta Eŭropo, kvazaŭ ekzilito. Tiu ĉi parto de la libro, kvankam prezentas la okazaĵojn morte serioze, efikas tamen la karikaturo de l' burokracio, respektive ĝi montras, kiel karikaturecaj estas la paradoksoj de l' ŝtata direkcio. Fine la ŝipisto sukcesas veni sur kontrabandŝipon, kiun la posedanto volas pereigi, por enpoŝigi la asekuran pagon. Tiu ĉi estas la »mortoŝipo«, sur kiu laboras nia heroo kiel karbŝovelisto, kaj travivas la plej mizerajn suferojn. Sajnas neimagebla ĉiu eblo de l' saviĝo, sed fine li tamen saviĝas — por veni sur alian mortoŝipon, kiu pereas, kaj li kun alia ŝipisto naĝas kiel ŝiprompito, sur la libera maro. La alia ŝipisto freneziĝas kaj sin jetas en la akvon, kaj li restas sola, atendanta la morton. Verko kun konsterna forto, kiu, malgraŭ la amara koloro, disradias certan optimismon: ĝi sonoras la triumfon de la ĉioeltena forto de la homo.

(X.) EVADNE PRICE: EVA 1933. Prefere oni povus doni al tiu ĉi amuza libro la titolon: »Demono 1933«, ĉar sub Eva ni pensas trovi la ĝeneralan knabintipon, dum *Damaris*, pri kies aventuroj raportas la aŭtoro, estas tute aparta tipo. La ruĝhara angla knabino estas tiaspeca »*Miss Sex-appeal*«, kiu rentumigas sian belon, la solan kapitalon, kiel eble uzure. Kun antaŭe pripensita intenco ŝi faras siajn atencojn kontraŭ riĉaj kaj stultaj viroj, kies monon ŝi elprenadas kun senkulpa rideto. Ŝia ambicio estas, ke ŝi ankaŭ edzinigu sin al iu el tiuj ĉi monosakoj, sed — tiom stulta estas neniu el ili... Je la fino de sia aventura, multkolora vivovojo la bela *Damaris* tamen estos la edzino de tiu malriĉa, tamen ne tute honesta viro, kiu havas *seks-apelon* similan al ŝi, kaj kiun ŝi adoras de jaroj, sed ĉi tiun sian amon ŝi zorge kaŝas, ĉar ĝi krucas siajn ambiciajn kalkulojn.

## Pri ricevitaj manuskriptoj

*Maljuna Susanoo*. Bela, vere japanspirita rakonto, bona traduko. Nur pro ĝia relativa trolongo ni devas ankoraŭ heziti, aŭ almenaŭ ĝisatendi okazon por ĝia publikigo.

*Piligrimo* (pilgrimo). Interesa ideo, sed ĝi estas prezentita tiel longe, ke ĝi tute perdiĝas en la vortinundo. Nepublikigebla.

*La ombro* de Heidenstam. Publikigota.

*La etulo* de Maupassant. Publikigota verŝajne, sed daton neeble doni.

*Gekolega lerno, Sincera mi estis, Sen la roso, Antaŭ nova vojo*. La poemoj estas nepublikigeblaj.

*Du amikoj* de Maupassant. Estas strange, ke vi, japano, tradukas *prozon* el la franca lingvo. Nu, la traduko estas bona, sed pro certaj kaŭzoj ne publikiginda. Sed via stilo estas tiel bona, ke ni certe atendas de vi ankaŭ eljapanajn tradukojn. Aŭ, eble observojn?

*La perfidanta koro*. Kurioza laboro: novelo tradukita en versoj. Por esti tute sincera, mi devas diri, ke ĝi neniom gajnis per tio. Sed aliflanke vi montras surprizajn versfarajn kapablojn. Ĉu vi ne provus ilin per malpli stranga tasko?

*La sentebla profito*. Baldaŭ publikigota.

*La skatoleto* (tro ruzmalruza detektivaĵo), *La babilulo* (iom tro eluzita ideo), *La karnavalo en Ameriko* (malaktuala) estas nepublikigeblaj.

*Por mi la bela silenta suno* kaj *Al tiu kiu estis krucumita* ne estos publikigitaj.

*Altigu la monton tri futojn pli ol la malamika*. Kvankam la rakonto estas interesa en sia ekzotika naiveco, ni ne povas permesi publikigon. Eble, iam, sed nepre ne baldaŭ.

*La vojo de la ĉielaj steloj. Maro. Mi havas amatinon. En monta supro.* Nepublikigotaj. Evidente vi estas multe pli feliĉa en originalaĵoj. Ĉu vi ne havas ion belan?

*Petro-Paŭlo ĉe la bordo de la Sejno*. Nepublikigota.

*Vivo kaj laboro de literaturisto pola*. Ni publikigos la artikolon verŝajne baldaŭ, en du partoj, eble en tri.

*Vizio. Publika konfeso de Harhold*. La partoj, kaj ankaŭ via traduko, estas belaj, sed tiaj romanfragmentoj tamen estas evitindaj laŭeble, oni ĝenerale ne ŝatas ilin legi.

Pri aliaj manuskriptoj alian fojon.

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Damni* (Grabowski): kondamni je infero; *dura* (Grosjean-Maupin): malmola; *evento* (Grab.): grava okazaĵo; *fascini* (Wüster): rigardsorĉi; *frida*: malvarma; *gapi* (Grab.) rigardegi absorbiĝinte; *hasti* (Christaller): urĝiĝi; *incendio* (Presa Societo): brulego; *iriti* (Grab.): pliflamigi; *jubili* (Christ.): ĝojkrii; *kriĉi*: akcipitre krii; *obskura* (Fulcher-Long): malluma; *sinki* (Christ.): fali malrapide.

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Aŭstralio:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, *Melbourne* 185 Exhibition Street.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.
**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.
**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenčka, *Hradec-Kralové*. Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.
**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Librairie Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**Germanujo:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin* 138084
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a
**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.
La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.
**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosći Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo*, Bergsliengata 11.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99
Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel
**Aliaj landoj** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al Pocztowa Kasa Oszczedności, Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo.

Felelős kiadó: Zöldy István. Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gyula felelős.